1-a JARO, N-o 7 Nova Serio 10. SEPTEMBRO 1933

# SENNACIECA REVUO

Organo de SENNACIECA ASOCIO TUTMONDA, kultura kaj interhelpa organizo de prolet-esperantistoj

APERAS MONATE | REDAKTEJO : 14, avenue de Corbéra, Paris 12e. ADMINISTREJO: 23, rue Boyer, Paris 20e. | APERAS MONATE

# Kiam Hitler regas...

*Ni ricevis ankoraŭ plurajn leterojn, el kiuj — tio estas karakteriza — neniu venis rekte el Germanio, sed ĉiuj estis ekspedataj el alia lando. Ni nur malmulte mallongigis ilin ĉi-foje; alian materialon pri la sama problemo oni trovas en la rubriko « Diskutejo » de ĉi tiu n-ro.* *Red.*

## I. La « popolkanceliero ».

La germana kapitalismo provas per la nuntempe reganta tendenco politika savi sian ekziston. La mondkrizo de la kapitalismo, kiu precipe en Germanio efikas akre tranĉante, ja devigis la regantan sistemon jam dum la du lastaj jaroj al specialaj agoj, kiuj profunde enpenetris la socian rajton k la viveblojn de la laboristaro. Sed por savo ili estis nesufiĉaj, la perspektivoj restis same malbonaj. Hodiaŭ la kapitalismo serĉas sian savon, eventuale la lastan, en la plenplena faŝistigo de la ŝtato.

Hodiaŭ Hitler kun anoj surprenis la taskon, laŭ la volo de la ekonomiaj grandpotenculoj, savedirekti la ŝtatŝipon. Kaj la tasko de Hitler konsistas el jeno : La unuaran savon aŭ minimume gajnon da tempo por la konservado de sia ekzisto la kapitalismo ekvidas en nova milito. Por ĝi hodiaŭ necesas propagandi, necesas prepari la popolan psikon, sed antaŭ ĉio ne tiele, ke ĉiu ajn tuj rimarku, kien la vojo kondukas. Kaj Hitler brile solvos tiun taskon.

Unue li disbatis ĉiujn organizojn, kiuj povus fariĝi baro por li dum atingo de tiu celo. Aliajn organizojn, kiuj al li ne ŝajnis centprocente sekuraj, li dekretis transformendaj. Estis ankaŭ urĝe nun eduki la junularon por la militismo : pro tio estis dekretata la « laborserva devo » en siaj diversaj variaĵoj.

Kaj dum Hitler fajre parolis pri « pacemo k malarmado », oni ne ĉesis kutimigadi la popolon per « aerdefendaj k gasŝirmo-manovroj » al la gloro de la venonta milito.

« Hajl Hitler ! » (Vivu H.) krias hodiaŭ kelkaj milionoj, kiuj laŭdas lin savonto de iliaj interesoj. Ili nomas lin « popolkanceliero », kiu ĉiujn provizos per laboro k pano. Kaj ĉiuj tiuj homoj ne volas ekkoni, ke oni kondukas ilin al certa ruiniĝo, kiu estos en la nova milito. Certe, la antaŭpreparo al ĝi nun ankoraŭ estas sportludo ; hodiaŭ ja oni provizore ankoraŭ surŝultrigas la fusilojn, la marŝado ankoraŭ estas gimnastiko, la nova hokokruca standardo estas ankoraŭ venkoflago venkinta super partioj k organizoj.

Sed tiumomente, kiam foje la malamika kuglo trapenetros la intestojn, kiam « fosgen- k levisite » -gasoj disŝiros la pulmojn, kiam la grenado per la cerbaĵo surŝmiros la murojn de la tombejo, — tiam la revo pri la « defend-sporto » havos sian tragikan finon k mortantaj lipoj murmuretos tiam anstataŭ « Hajl » eventuale blasfemon.

« Francio ne toleros tion, ĝi reokupos Rejnlandon, se Germanio rearmados », opinias tiuj, kiuj dum la lasta prezidant-elekto en 1932 voĉdonis por « Hindenburg por bati Hitler », opinias ĉiuj, kiuj ekvidas en parlamento institucion, kiu sub pledo de iliaj tieaj reprezentantoj kreos bonstaton, eĉ socialismon. Al ili estu dirate, ke *Ŝnejder-Krezo* (Schneider-Creusot), kiel kapo de la franca armilkapitalismo, same interesiĝas pri nova milito, kiel la germanaj armilkapitalistoj *Krup-Tisen* (Krupp-Thyssen). Kaj ke tiu Ŝnejder-Krezo obstine trudas sian volon al la franca parlamento, k se necesus, eĉ scius instali diktatoron ankaŭ en Francio, same kiel la germanaj kapitalistoj tion faris. Konferencoj pri malarmado, konferencoj de la Ligo de Nacioj, ili ĉiuj servas nur kiel nebulummanovroj. Kiel ili ne malhelpis la militon inter Japanio k Ĉinio, tiel ili ankaŭ ne malhelpos al Hitler aŭ Bonkur, ks. fari tion, kion ili faras komisiite de la mondkapitalismo.

« Savon per Hitler ! » Suboficiro forkondukas Germanion el 14-jara « hont- k koruptad-politiko » de la marksistoj. La generalo Hindenburg, kiu cetere 9 jarojn implikiĝis en ĉi tiu koruptad-politiko, nenion ajn rimarkante pri ĝi, — donas al la suboficiro Hitler la manon k deziras, ke li nun ekagu, ke li eksavu Germanion. Ne gravas, ke li estas suboficiro : li devenis el la popolo, la popolo pli fidas al li, li konas la spiritostaton de la amaso, li paroladas konvinke, li eĉ estas « socialisto », kiu promesas panon k liberon, do, ĉion konsiderante, li estas tiu sola, kiu ĉion faros sukcese. Princo « Aŭvi », kronprinco Vilhelmo k kiel ĉiuj el la nobelaro nomiĝas, jam nun interbrakumas sin antaŭgustumante la venontajn heroajn farojn. Kaj la liverontoj de la mortigmaŝinoj k de la venengaso jam nun prikalkulas sian estontan profiton.

Dume la laboristaro germana... festas la datrevenon de la naskiĝtago de sia popolkanceliero, restas senmove staranta kelkajn minutojn sur la strato en pieca rememoro pri « sia » nacia heroo Ŝlageter, mortpafita de la eterna malamiko Francio. Ĝi bruligas librojn, kies enhavo estas kontraŭgermana k danĝera al germana spirito. Oni denuncas sin reciproke k ... kredas. Oni firme kredas la pacemon de Hitler, kredas, ke la judoj solaj kulpas pri la mizero, kredas, ke la senlaboreco baldaŭ ĉesos, kredas ĉion, kion mensogas propagandministro.

Kaj la laboristaro ne opinias, ke tiu, kiu kredas, ne pensas, k kiu ne pensas, nenion scias, k kiu nenion scias, tiu estas malsaĝa, k ke la malsaĝuloj estas

facile regeblaj... « Savon per la savonto Hitler ! ».
Burĝoj k nobeloj interplektas la manojn, la epoko de la klasbatalo forpasis.

*G. V. (10 870).*

Komence de aŭg. 1933.

## 2. Suferoj k turmentoj

Antaŭ kelkaj semajnoj la politika polico traserĉadis dum mia foresto mian tutan loĝejon. Ĝi konfiskis ĉiujn esperantaĵojn, 20 librojn, inter kiuj troviĝis eĉ ne unu kun politika enhavo, ĉar ĉi lastajn mi parte forkaŝis, parte forbruligis. Tamen ili forportis ĉion, vortaron, malnovajn gazetojn, novajn, neuzitajn poŝtkartojn, leterojn k kartojn, kiujn mi lastatempe ricevis de eksterlandaj gekorespondantoj, eĉ mian stampilon k stampukusenon. Krom tio aliajn negravajn objektojn. Post la traserĉo la policanoj atakaŭtomobile veturis al la fabriko, en kiu mi laboras, k arestis min. La estro diris, ke mi bezonas kunveturi nur por kelkaj minutoj k ke mi poste povos reiri al mia laborejo. Nenion ili diris pri tio, ke en mia loĝejo ili estis antaŭe k konfiskis multe da materialo.

Alveninte en la policejo oni ekkomencis la esplordemandadon : « Ĉu vi estas ano aŭ funkciulo de la kompartio ? Ĉu vi apartenas al revolucia sindikato ? Vi estas la estro de la laborista esperanto-klubo !! ». Mi nee respondis ĉiujn demandojn, tiel ke ili havis nenian konkretan punkton. Subite ili furioziĝis, kriegis : Ne mensogu, ni scias, ke vi estas la gvidanto de la laborista esperanta rondo. Mi respondis trankvile, ke mi iam estis estro, sed de longe ne plu estas, ĉar la klubo delonge ne plu ekzistas.

Oni nun demandis pri la kasisto de tiu klubo. Mi diris, ke mi mem estis. Ili deziris, ke mi havigu al ili la membroliston. Mi diris, ke mi ne havas k ke tia laŭ mi tute ne ekzistas. Ili tute ne kredis al mi k ili diris, ke ili tuj enkarcerigos min, se mi ne diros la veron.

Ili daŭrigis la esploradon k post kelkaj horoj, konstatinte, ke mi tute ne perfidos miajn Gek-dojn, la estro ordonis mian enkarcerigon. Du policanoj transportis min malgraŭ miaj protestoj al ĉelo, antaŭ kiu ili forprenis ĉion el miaj poŝoj, eĉ speguleton. Ili puŝis min en la ĉelon, rimarkigante, ke mi havas tempon por pripensi la situacion. Mi aŭdis kriojn de aliaj nevideblaj K-doj, k de tempo al tempo la bruon kaŭzatan de batantaj fiuloj k iliaj viktimoj.

Sed eble vi ofte legis pri tio k mi prefere priskribu al vi la internon de la ĉelo, en kiu mi nun troviĝis, por ke vi povu imagi, kiel oni pritraktas homojn, kiuj ĝis nun ankoraŭ nenion faris kontraŭ la registaro. La ĉelo aspektas kiel tertruo, kun malgranda fenestro. Antaŭ la fenestreto estas dikaj ferstangoj. En angulo troviĝas pajlosako, en la aliaj anguloj staras sitelo por ekskrementi k du objektoj iom similaj al seĝo k tablo. Fiodoro vere ne priskribebla estis en la ĉelo. Tie mi devis resti kelkajn tagojn. Vespere mi ricevis kovraĵon, kiu jam estis tiel malpura, ke mi ne volis kovri min per ĝi. Tamen pro la malvarmaj noktoj mi estis devigata ĝin uzi, kvankam mi preskaŭ svenis pro la odoro. Tage oni plurfoje kondukis min al la esplorejo, kie mi restis ĉe miaj unuaj eldiroj. Fine, sabate vespere, oni denove venigis min eskortite de kvar armitaj faŝistoj. Post duhora esplorado ili fine diris : « Vi povas iri hejmen ». La objektojn, kiujn oni forprenis ĉe la aresto, mi rericevis.

Nur post la reveno mi eksciis de mia edzino pri la domesploro k konfisko de miaj libroj. Mi preskaŭ ekploris ĉe tiu sciigo. Mi reiris al la policestro, por rericevi miajn librojn. Sed la estro deklaris sin nekompetenta, tamen li opiniis, ke mi verŝajne neniam rericevos la librojn, ĉar mi estis ano de laborista esperanto-asocio.

Mi priskribis nur mian propran travivaĵon. Aliaj miloj da laboristoj ofte pro bagateloj suferis multe pli. La nuna teroro estas neimagebla. Ĉiutage okazas mortpafoj. Lastasemajne en mia urbo estis mortpafataj kvar viroj, inter ili du fratoj, iamaj Hitlerpartianoj, kiuj ne plu volis obei k eksiĝis la partion. Ĉar oni timis, ke ili rakontos tro multe pri la veraj cirkonstancoj el la movado, ili devis esti mortigataj. Dumnokte aperis helpopolicistoj en ilia loĝejo, oni fortransportis ilin aŭtomobile eksterurben k tie mortpafis ilin. En ĉiuj urboj k vilaĝoj oni procedas sammaniere. La gazetoj poste raportas pri kompartianoj mortigitaj okaze de provo forkuri. En urbegoj la teroro estas pli intensa, sed la ŝanco por neleĝeca laboro pli bona.

Viroj, kiuj dum la okupiĝa tempo de Rejnlando aliĝis la « separatistan » (memstarigan) movadon, nun estas kondukataj tra la ĉefstratoj de l'urbo kun afiŝoj gluitaj sur la dorso, kiuj surhavas mokajn surskribojn. Multaj nacisocialistoj akompanas ilin k instigas la popolon, por ke ĝi kraĉu aŭ ĵetu ŝtonojn al ili.

Ĉi-supron mi skribis laŭ la buŝo de mia esperanta K-do, kiun mi vizitis en Germanio antaŭ nelonge. Mi faris la verkaĵon hejme, ĉar ekspedi ĝin el Germanio estas vivdanĝere. Tiuj rakontoj ne estas mensogoj aŭ fabeloj, sed efektiva vero. Pri la plej kruelaj fiagoj mi ne eksciis, k kompreneble ankaŭ la germanoj ne estas informitaj pri tio, pro tio ke nur faŝistaj gazetoj aperas k nature tute silentas pri la kruelaĵoj. Ankaŭ la disdonado de l'kontraŭleĝaj flugfolioj (mi vidis tiajn de la kompartio) estas vivdanĝera. Ĉiutage radio k gazetaĉaro plendas pri eksterlanda bojkoto al germanaj produktoj k la prikruelaĵa propagando kontraŭ la nova Germanio. Ili parolas nur pri tielnomataj mensogoj raportataj de eksterlandaj gazetoj. Tamen tiu registaro mem uzas ĉiujn rimedojn por bojkoti la ekstergermanajn varojn. Ĉie oni povas legi k aŭdi : Germanoj aĉetu nur germanajn produktojn !...

*P. G. v. d. Plank (16 794), Dordreĥt.*

30-VII-33.

## 3. Mistiko k realo

Kiel jam antaŭe iu K-do, nun mi profitas la okazan restadon en « eksterlando » por skribi kelkajn liniojn. Unue mi devas sciigi al ĉiuj K-doj raportantaj pri la germana situacio, ke ili tre ĝojigis nin per siaj leteroj, k mi volas danki al la redakcio de « S.R. », publikiganta la « germanajn leterojn ». Mi ne troigas konfesante, ke ni kvazaŭ englutis tiujn leterojn. Tiele oni povis esti iomete informita pri la situacio en Germanio.

Verdire tiu lando fariĝis frenezulejo k pundomo en la plena senco de la vorto. Pro la gazeta cenzuro ni sciiĝas nur pri tio, kio plaĉas al la registaro. Oni sisteme mensogas al ni k stultigas nin, ĉu per radio, ĉu per la gazetaro. Severaj dekretoj malpermesas ĉiun mallaŭdon pri la nacia revolucio. Fakte ni pli malmulte scias ol « eksterlandanoj » en liberale regataj landoj. Sed ne nur al ni, ankaŭ al la eksterlando oni mensogas. Mensogo estas, ke la tuta popolo leviĝis k subtenas la registaron. La partopreno en ĉiu manifestacio estas devo k estas kontrolata per listo en la laborejo. Mono estas treege dezirata. Oni ne laciĝas por trovi novajn rimedojn por ellogi la lastan moneron

el la poŝo de ĉiu individuo. Preskaŭ ĉiu urbo jam festis sian unu-, du-, tri- ktp-jarcentan fondiĝfeston. Aliaj urboj aranĝas diversajn festojn. Patriotaj unuiĝoj ja ne mankas. La intenco ĉiama estas la sama : kunvenigi kiel eble plej da homoj al spektaklo. La rezulto : bier- k flag-fabrikantoj povas raporti pri pligrandiĝanta konsumo de siaj varoj. Tiel la registaro vigligas la komercon.

Ankoraŭ travivaĵo de mia amiko. Antaŭ kelkaj semajnoj li estis en Bavario (Berĥtesgaden). Tie la loĝantaro al li rakontis, ke preskaŭ ĉiu vizitanto al la domo de Hitler detranĉas pecon da ligno el la ligna barilo antaŭ la domo kiel « memoraĵon ». Kaj la loĝantoj elfosas la teron, sur kiu la postsignoj de « lia » plando k kalkanumo estas videblaj...

9-VIII-33.

*Laŭ speciala deziro de diversaj K-doj (pro la danĝero por germ. legantoj) ni ne bildornamis ĉi tiun artikolaron.*

# La senmona mondo de Belami (Bellamy).

Edvardo Belami naskiĝis la 26an de marto 1850 en Masaĥusets en Usono (Ameriko). Li antaŭdiris en 1887 la radion, televidadon, aertrafikon, mondhelplingvon k la nuntempan mondkrizon k donis la solvon eliri el ĉi tiu lasta.

Nun, kiam evidentiĝas, ke la meĥanikigo de la industrioj senlaborigas milionojn da homoj, estas utile pli profunde studadi la verkojn de Belami « Rigardo malantaŭen » k « Egalo », ankaŭ tradukitajn en la nederlandan lingvon sub titoloj « La jaro 2000 » k « Egalo por ĉiuj ».[1]

Por ke fariĝu neeble, ke sekve de inventoj, laboristoj iĝu senlaboraj pro la aplikado de la inventoj, Belami propagandis, ke la MONO « kiel obstaklo » malaperu. Ne la kreanta forto de la inventistoj malfortiĝu, kontraŭe eĉ ankoraŭ pli ol en la nuno, oni klopodu efektivigi, ke en la senmona socio stultigaj laboroj estu farotaj de maŝinoj.

Se oni opinius, ke la privata iniciativo perdiĝos, aŭ ke oni ne havos la necesan energion por cerbumi pri novaj aferoj pro malesto de la mono, tiam oni pensu pri tiu amaso da intelektuloj, kies spirita ĝuo pro farataj teorioj k praktikaj inventoj k malkovroj kontentigas internan evoluemon, sen ke ili per tio gajnas unu cendon, ekzemple astronomoj, biologoj, matematikistoj, ĥemiistoj, fizikistoj k ekonomiistoj.

Kiom da miloj da laikoj jam estis, kiuj pro pura intereso estas serĉintaj la « Perpetuum mobile » k kiom da aliaj estis, kiuj pro manko de mono ne povas realigi siajn inventojn. Oni rigardos kiel honoron ree esti alportinta ion novan, tiel ke spirit-malakriga laboro ne bezonas esti farata de homoj. Tiam la inventoj fariĝos beno por la homaro, dum nuntempe inventoj nur servas por riĉigi unuopulojn k ofte eĉ ne donas profitojn al la inventintoj mem, k kaŭzas al aliaj homoj senlaborecon.

Interŝanĝkomerco inter la individuoj ne okazos, ĉar ĉiu ricevos ĉeklibron, per kiu li povas havigi al si, kion li bezonas por la ĉiutaga vivo k distro. La ĉeskskribado estas jam nun ĝenerala ; la diferenco estas tamen, ke oni nun, ĉu mem aŭ iu alia devas deponi monon k post tio povas skribi ĉekojn, dum oni ricevos en la Belami-socio ĉeklibron kiel rekompencon por faritaj aŭ farotaj servoj. Interŝanĝkomercado ankoraŭ okazos inter diversaj regionoj, k ne, tiel kiel ni jam rimarkis, inter la homoj mem. Ekzemple ni povus transporti ovojn al alia regiono, dum tiu regiono povus transporti al ni duonlaboritaĵojn. La varvoloron oni povas montri, aŭ per mono, aŭ per laborhoroj, aŭ per alia maniero.

Viroj k virinoj estos samrajtaj ; oni vizitos ĝis la 19a vivjaro lernejon, poste oni povos studi plu, se inklino, intelekto, talento k kapablo rajtigas tion. Se oni ne montras inklinon al plua studado, tiam oni tuj post la lerntempo komencas labori. Ĉiu laboros nur tiom da horoj, kiom montriĝos necesaj por la ĝeneralaj bezonoj k la plej malagrablajn laborojn oni igos allogaj, per proporcia malpliigo de la labortempo (laborhoroj). Troproduktado malebliĝos, ĉar nur tiom estos produktata, kiom estos necesa por propra ekzisto aŭ por akiri varojn, necesajn kiel interŝanĝaĵoj kun aliaj regionoj.

Plej unualokaj estu gvidkapablaj personoj, kiuj estos elektataj el k de la plenkreskaj interesiĝantoj. La maltrankviliĝo pro la estonta tempo malaperos, ĉar ĉies ekzisto estos certigita. Estas tute superflue, ke iu ricevu, ekzemple monate, pli grandan sumon sur sian ĉeklibron ol alia homo.

La elspezoj reguliĝas laŭ ĝenerala bezono k aĝo. Estante kripla, invalida, ne normala, malsana, blinda, muta, ktp. oni havos precize la samajn rajtojn kiel ĉiu, materie k (aŭ) mense perfektsimila. Oni laboras ĝis la 45a, poste oni povas esti vokata ĝis la 55a, por helpi mildigi suferojn dum eventualaj naturkatastrofoj aŭ epidemioj. Ankaŭ infano ricevos ĉeklibron, kiu estos administrata de la gepatroj aŭ zorganto ĝis ĝia plena maturiĝo.



Proksimume 90% el la nunaj krimoj rezultas el avido k granda parto de la frenezulejoj estas loĝata, ĉar la homoj nerve malsaniĝas pro perdo, nehavo, aŭ pro mondezirego. Ankaŭ la malliberejoj k same la frenezulejoj fariĝos pli k pli superfluaj.

Se iu laŭ sia naturo pro apatio ne povas aŭ volas disponigi siajn fortojn por la socio, tiam li estu instruota de specialaj pedagogoj. Oni instruas lin interesiĝi pri la komunumo.

Jen konciza skemo, elpensita jam en 1887 de Belami, por solvi la mondkrizon. Sola la perioda mizero povos efektivigi ĉi tiun ideon, ĉar solvo estu trovota, per kiu ĉiu, kiu estas kapable laborvola, povos akiri laboron. La kriza mizero igos laŭgrade la homojn kapablaj ekkompreni la vojojn montritajn de la grandaj pioniroj de la homaro, inter kiuj Belami ne estis la plej malgrava.

Por plivastigi k propagandi la Belami-ideon, mi petas al la redaktoroj de aliaj gazetoj en la tuta mondo represigi tiun ĉi artikolon. Mi afable petas al ĉiuj, kiuj konsentas pri la Belami-ideo, korespondi kun mi pri tiu ĉi temo.

*Inĝ. B.B. de Regt (18456) Witte de Withstrato 89 a, Roterdamo (Hol.)*

[1] Oni legu ekstrakton en la *literatura parto* de tiu ĉi kajero. — *Red.*

## Do, tio estas patriotismo ?

La mondo de nia generacio estas subigita al du teruraj vizitantoj : la nigra pesto de la senlaboreco k la skarlata pesto de la milito, kiuj naskiĝis el la patriotismo.

El ambaŭ, la lasta estas la pli pereiga k la pli ampleksa en siaj efikoj. Senlaboreco havas kiel sekvojn mizeron k malriĉon, korrompiĝon k malesperon, sed kun la kompare malmultaj esceptoj de sinmortigoj, ĝia veneno ne estas mortiga. Ĝi mordetas, sed ĝi ne mortigas.

Sed la patriotismo oferis al sia molofio dum la lastaj kelkaj jaroj, sume ĉirkaŭe 30 milionojn da homaj vivoj. Pesto, ĥolero, la Nigra Morto, la timigaj epidemioj, kiuj dezertigis la mondon dum la antikvaj tempoj, la franca k la rusa revolucioj — nenio ampleksis iam tuton tiom teruran kiel tio.

Blindigitaj, en nia vidado, per fiornamaj standardoj, surdigitaj niaj oreloj per bruo de tamburo k trumpeto, malkonfuza pensado estas malfaciligita. Ni ne vidas la kapon de la morto malantaŭ la kavalira viziero.

Oni diris, ke patriotismo signifas la komunan kunligon de la amo, sango, lingvo, religio, tradicio k libero, kiuj unuigas la britan rason kontraŭ la sendiaj eksterlandanoj. Praktike la sama afero, proksimume, estas dirita al la alilandanoj. ¡Nu, mi mem malakceptas ĉian kulpigon je patrioteco, kiu povus esti farata kontraŭ mi. Eble mi estas fripono, tamen mi ne estas ĉe mia lasta rifuĝejo. Sed kiel unu el la Daniel-Defoe-aj[1] vere-naskitaj angloj, pursanga, centprocenta anglo-brito-romano-pikto-juto-skoto-dano-normano-sakso, mi demandas: kïo estas la brita raso ? Sole sur la Britaj insuloj estas kvar diversaj nacioj. Anglo estas pli parenca al holandano, germano aŭ skandinavo, ol al kimro aŭ franca kanadano. Korniŝano (Cornish) estas pli samsanga al la bretonoj el Francio ol al Londonano.

Kia estas la diferenco inter dano el Dejnlo (Danelagh) (Linkolnŝaj, Jokŝaj = Lincolnshire, Yorkshire, Orienta Anglio) k dano el Danio ? Kio distingigas la holandanojn el Sudafriko de la holandanoj el Holando ? Ĉu estas virte komerci kun franca kanadano, k peke komerci kun Francio ? La nura brita raso estas en Britio, kiu malfeliĉe ne estas en la Brita Imperio. Tiom por kunligeco laŭsanga. Kiom laŭlingva ? La nomo de nia imperio estas Babilono. Mi ne pretendas kapablon por matematiko, sed la Brita Leono nepre devas havi en sia kapo 500 lingvojn. Se estas amo, kiu unuigas la britan rason, la diversajn kastojn, klasojn, sektojn, tribojn k naciojn, ni devas gratuli al la formo, per kiu ili majstras siajn emociojn. Krom la solena rajto de ĉiu libere naskiĝinta regnano, enlitiĝi je la 20-a horo, ni ne havas liberon. Krom falsa sentimento k propagando, maskitaj kiel historio, ni ne havas tradicion.

Patriotismo ne nur estas stulta, krima k danĝera, ĝi ankaŭ estas la plej granda friponaĵo k trompado, per kiuj iam ajn estis trompeluzata la kredemo.

Trad. el *La Nova Klariono* (The New Clarion) H. Bruckenberger (9877).

[1] Aŭtoro de *Robinson Kruzo*. — Red.



## Proleta vivreformo

Kial proleta ? Ĉar ni kontraŭe al la burĝaj vivreformuloj scias, ke ni ne nur per vivreformo povas plibonigi la vivon, sed ke la realigo de la vivreformaj ideoj parte neeblas pro la malbonaj ekonomiaj cirkonstancoj. Do ni plenkonscias, ke necesas la politika batalo kontraŭ niaj ekspluatistoj, kiuj malebligas al ni, vivi laŭdezire.

Ne sufiĉas, ke ni nur formale rompas kun la tradicio (per eksiĝo el la eklezio), sed tre gravas, ke ni ankaŭ ŝanĝu nian ideologion, k tio estas multe pli malfacila, ĉar ni preskaŭ ĉiuj estas edukataj laŭ burĝa pensmaniero. Nur iom post iom ni povas atingi pli liberan pensmanieron k eĉ la plej progresintaj el ni ankoraŭ ne venkis ĉiujn antaŭjuĝojn.

Nun mi volas skizi la diversajn problemojn, apartenantajn al la vivreformo :

### 1. *Alkoholo.*

Ankoraŭ ĉiam granda parto de la laboristaro trinkas aŭ eĉ drinkas alkoholon, malgraŭ ke jam antaŭ jardekoj kelkaj laboristaj gvidantoj ekkonis la malutilon de la alkoholo k ankaŭ skribis pri tio..

Multaj proletoj nur per la alkoholo ne ekkonas sian veran situacion k restas ekster la vicoj de la batalanta proletaro. Parto de la laboristaro ja ekkonas, ke ili devas batali kontraŭ la kapitalismon, sed tamen per drinkado subtenas unu el la plej potencaj kapitalgrupoj, la alkoholkapitalon, kiu ja, kiel konate, disdonas la plej altajn dividendojn. Kaj la alia flanko : Hejme ili malbontraktas la edzinon k infanojn, k la edzino ne ricevas la necesan monon. Do estas ĉio alia ol socialista agmaniero. Krom tio ja la idoj de drinkuloj ofte degeneras k estas idiotaj aŭ fariĝas krimuloj.

Se nun parto el la K-doj diros : Tiaj drinkuloj ja ne estas inter ni, ni nur okaze foje trinkas glason da biero k nur tre malofte ebriiĝas, ekzemple dum jarfina festo. Sed tio povas sufiĉi, por ricevi idiotan infanon ; la alkoholo ja ofte forigas la volforton eviti gravediĝon. Oni ankaŭ povas esti gaja sen alkoholtrinkado k ne necesas — kiel opinias multaj — trinki alkoholaĵon. Ni aranĝu niajn festojn sen alkoholo ! La vino evtl. estu anstataŭata de fruktsuko.

### 2. *Nikolino.*

Al vivreformo nepre apartenas la nefumado. La malsanigan flankon de fumado mi ne volas priparoli, ĉar preskaŭ ĉiuj fumantoj scias tion. Multaj ja ankaŭ diras, ke ili volonte dekutimiĝus, sed ke mankas la sufiĉa energio. Sed ĉu homo, kiu jam tiurilate estas tiom senenergia sukcesas helpi starigon de socialismo ? Verŝajne ne. En kunvenoj de la laboristaj partioj k organizoj ankaŭ estas konstateble, ke la

fumantoj tute ne atentas ilian nesocialistan agmanieron, devigante la nefumantojn enspiri tiun malbonan aeron aŭ forresti.

* * *

Nun mi volas iom pritakti la *seksan temon*, kiu apartenas al la plej gravaj problemoj de vivreformo. Malgraŭ ĉiuj belaj frazoj pri samrajteco, oni ofte povas konstati, ke la klaskonscia laboristo same rigardas la virinon k edzinon kiel iu ajn burĝo. Ili ankaŭ opinias neinda por viro, partopreni okaze la mastruman laboron, per tio ebligante al la virino la partoprenon en la socia k politika vivo. La edzoj ofte neniel provas konvinki la edzinon pri la neceso de klasbatalo k havi spiritan kontakton. Ili volas nur havi inon por la mastrumaj laboroj k por la seksaj interrilatoj; en la cetera vivo ili opinias, ke la virino estas malpli kapabla k klera k faras nenion, por forigi tiun staton, kiu ja fakte ofte ekzistas pro la supre cititaj faktoj. Bedaŭrinde ankaŭ multaj virinoj opinias, ke por ili nur konvenas la mastrumado de la hejmo k la infanflegado, sed ke la organizoj k la politiko estas afero por la viroj, pri kiu ili ne rajtas paroli. Tian pensmanieron kaŭzis la diferenca edukado, kiun oni donis al la du seksoj, sed por ni kiel antaŭenemuloj ekzistas la taskó, forigi tian spiritostaton almenaŭ en niaj vicoj.

Pri la seksaj interrilatoj mem mi opinias, ke pleje gravas sincero; ni ne ludu kun aliseksano, sed ni taksu la interrilatojn kiel tro belan travivaĵon por parolaĉi pri ĝi. — Se oni konstatas ĉe kunvivado kun aliseksano, ke la karakteroj ne harmonias k ke oni ne povas doni al si reciproke sufiĉe multe, tiam oni estu konsekvenca k disiru, sed poste tamen ankoraŭ estimu la alian kiel kamaradon.

Al vivreformo ankaŭ apartenas la *nudkulturo*. Por progresema homola rigardo de nuda korpo meze de la naturo ne povas esti maldeca, sed estas tute natura afero, neniu homo ja naskiĝas en vestaĵoj. La nudbanado ankaŭ estas multe pli higiena k saniga, ol la banado en vestoj.

Alia grava problemo de la vivreformo estas la *vegetarismo*, kiun mi ne volas pritrakti ĉi tie. Same estas pri la *modo*. Ni ne estu sklavoj de la modo, sed vestu nin laŭ porsanaj k raciaj konsideroj! Tamen nia vestaĵo povas esti bela.

Pensante pri la *loĝeja kulturo* ni povas konstati, ke la moderna konstrumaniero estas aprobinda, ĉar ĝi konformas al la postuloj de higieno k racio. La samo estas rilate la modernajn meblojn.

*Racia korpflegado* k *gimnastiko* ankaŭ okupas atentindan ĉapitron de la proleta vivreformo, al tio apartenas la ĉiutagaj lavoj je la tuta korpo, migradoj ktp.

Rilate al la *kuracmaniero*, por vivreformulo nur konvenas la laŭnatura. Se ne nepre necesas (en kelkaj tre malmultaj kazoj), ni evitu operaciojn k ĉiujn venenojn. La korpo en si mem havas kuracvolon, ni nur subtenu ĝin per konvena nutrado ktp. Pri tio donu al ni konsilojn la kuracistoj, aplikante laŭnaturan kuracmetodon.

Kiel lastan, sed ankaŭ tre gravan punkton mi notu la *edukadon*. Ni eduku niajn infanojn vivreforme, tiam por ili la korpflegado k netradicia pensmaniero estas memkompreneblaĵoj k ili estas pli feliĉaj k pli sanaj homoj ol la nuna generacio!

Sed kiel mi jam komence citis, la proletoj pro la malbonaj cirkonstancoj ofte ne jam povas vivi tiel porsane, kiel ili dezirus, k pro tio la proleta vivreformo estas nedisigebla de la klasbatalo!

Originale verkis: *Elnjo T.*

# La kontento perfida

« Ni devas esti dankemaj por donacetoj », diras angla proverbo. Kia devizo por *homo*! La « incenso religia », per ĉielaj promesoj, anestezas la kredemulojn k paralizas la volon. Malgraŭ ke milionoj ne plu ĉeestas la preĝejojn, aŭ eĉ konfesas nenian religion, tamen ili ŝajnas cerbumi en tia haladza atmosfero. En tia stato ili facile fariĝas la viktimoj de senskrupulaj politikistoj, kiuj reeĥas la pastran deklaron, ke « la nova epoko ĵus naskiĝis en la kapitalisma akuŝejo ». Kaj la gapuloj staras... k malsatas.

Estas noble suferi, kiam trafita de nekontraŭstarebla sorto, k sendube la eblo porti, senplende, la suferadon altigas k hardas la karakteron; sed temas ĉie tie pri fimilda servuto, pri ĉapenmana mieno, pri senprotesta rezignacio, kiu staras muta, dum edzino k infanoj paliĝas pro malsatado.

Ĉu la kerno de tia senrezisteco troviĝas en la Jesua diro: « La milduloj heredos la teron »? — aŭ ĉu alkutimiĝo al mastraj ordonoj igas nin tro obeemaj? Se jes, necesas intensigo de la SAT-batalo por altigi la kulturon k spiritan nivelon (normon) de la proletaro. Ni devas semi la malkontenton. Sed ne malkontenton nure detruantan, kiu blinde buĉas k frakasas senelekte. Tia ankaŭ ne sufiĉas.

Kion fari? Responde al demando « Kion postulas la laboristoj? » « gvidanto » respondis: « Ili kontentiĝus havi malgrandan domon k sufiĉe da pano, k.c. » Al la diablo kun bagatelaĵoj tiaj! Per manoj kripligitaj de peza laboro ni fabrikas la belaĵojn de la mondo — ŝtofojn, meblojn, palacojn. For la budloĝejoj, la skatoltabloj, k la sakvestoj; for la kontento, kia post rikolto abunda manĝas la nigran panon.

Tamen, la kriado de « for-oj » ne forigos la maljuston, la tiranecon. Ne konsekvencas, ke detruo al sistemo ekspluata mirakle transformas servutulojn en filozofojn. Ni detruas nur por konstrui, por kulturi; k la plej kulturinda grundo estas *nia* vivo. En la nuna momento, kiam al milionoj mankas eĉ la pano, mi kuraĝe substrekas la kulturan celon de SAT.

Ni agnosku tiun celon, k la grundo gajnota per revolucio estos tuj solidigita de konsekvenculoj.

Sendube la apatio, la indiferento natura estas intensigitaj de la kapitalistoj per diversaj rimedoj — « Pano k cirkoj » ja ludas gravan rolon en la kapitalisma programo.

K-doj, ni estu homoj — ne infanuloj kontentigeblaj per pankrustoj k ludiloj. Al la batalo por la klero!

*W. V. (17 040).*

# La origino de l'religioj

**L. Barbedet**

Ni iom pritraktu la tiel malfacilan problemon pri la unua origino de l'religioj. La solvo donata de la teologoj igas rideti la nepartiecan serĉanton, tiom naive-infaneca ĝi montriĝas. Laŭ ili Dio interkomunikiĝis kun privilegiitaj homoj por instrui al ili la verojn, kiujn ili devus kredi k la maksimojn, kiuj servus kiel reguloj por ilia konduto. Laŭ la biblio Jehovo malkovris al niaj pragepatroj, ke li estas ilia kreinto k ilia supera ĉefo. Pli malfrue Moseo havis renkontojn kun la Eternulo sur la Sinaji, kie li ricevis de li la leĝotabulojn. De la nimfo Egerio la reĝo de Romo, Numa Pompilio, ekscius la sekreton pri la ritoj, kiuj permesus digne honori la diojn. La babilona

princo Hamurabi ricevis de l'dio Ŝamaĥ longajn rekomendojn. Mahometon investis per lia misio la anĝelo Gabrielo; k ĉi tiu spirito daŭrigis inspiri lin en la verkado de l'maksimoj k de l'paroladoj, kiuj de tiam konsistigis la koranon. Kvankam li estas homo k ne posedas la atributojn rezervitajn al la dioj, Budao estas nedaŭra k renovigebla karniĝo de l'suverena Saĝo, kiu estas instruonta la loĝantojn sur la tero. Por la kristanoj Jesuo estas dio, kiu prenis la homan formon, por ke ni lin komprenu pli bone. Pli proksime de ni Svedenborg, Alan Kardec, Heleno Blavetski, la Patro Antonio k multaj aliaj fondis religiajn sektojn, sekve de interkomunikoj kun spiritaj entoj aŭ senkarniĝintaj spiritoj.

Flanke de la propre nomata *revelacio* la teologoj donas lokon al la *inspiro*. Tiu ĉi lasta konsistas en dia interveno, kiu evitigas ĉian eraron al la sankta verkisto k indikas al li, kion li devas diri. « La kondiĉoj, en kiuj ĝi prezentiĝas, rimarkigas Ginjeber (Guignebert), igas ĝin multe pli facile akceptebla ol la feaĵon pri dia aperaĵo k ĝi valoras ankoraŭ, kiam definitive fariĝis tro penige akcepti la personan k iamaniere materian intervenon de Dio. Aliparte, ĝi praviĝas facile : nova k fruktodona ideo, kiu donas klaran formon al deziro aŭ al aspiro de l'religia medio, en kiu ĝi produktiĝas, bona konsilo, kiun konfirmas la okazaĵoj, feliĉa antaŭvido, aŭ facile akomodebla kun tio, kio okazas, escepta trajto de saĝo aŭ de genio, estas ĉiam ornamitaj, laŭ la juĝo de l'kreduloj, per karakterizoj de l'dia inspiro ». Se la grekoj iris por konsulti la Pitian, al Delfoj, tio okazis, ĉar ili kredis ŝin inspirita de Apolono dum sia sankta deliro. Sibiloj, divenistoj parolis aŭ skribis en la nomo de l'dioj ĉe la praŭloj. La unuaj kristanoj atribuis al la agado de l'Sankta Spirito la fenomenojn de glosolalio (malligiĝo de l'langoj), kiuj okazis en iliaj kunvenoj; en la protestantaj sektoj, kie ili ripetiĝas, oni supozas ilin, eĉ hodiaŭ, el supernatura deveno.

Ofta en ĉiuj epokoj, la profetismo estas multe studita formo de l'inspiro. Dum la pastro estas precipe administranto, tradiciisto k konservisto laŭfunkcie, la profeto fidas al intuiciaj certoj k malkovras al si ofte reformeman mision. La unua timas la novajn impulsojn; li restas fidela al la litero de l'dogmo k de l'sanktaj tekstoj, sed fine li dronas en malspritega rutino k morta formalismo. Entuziasma instiganto, ne timante kelkfoje la revoluciajn sintenojn, la dua estas viktimo de malsaneca ekscitiĝo k de psikosentumaj konfuzoj. Ni parolas pri tiuj, kiuj estis sinceraj, malatentante ĉi tie la friponojn, pli multnombrajn, ol oni supozas. De la vulgara sorĉisto, de la pasia deliranto al la profeto, kiu sukcesas personigi unu momenton de l'religia evoluo, ekzistas cetere multnombraj gradoj; sed ĉiam la inspirito konsideras kiel diajn sugestojn la ideojn, kiuj ĝermas en lia cerbo; k periodaj krizoj aŭ strangegaĵoj, kiujn oni ne pardonus al alia, atestas pri la nenormala stato de lia nerva sistemo. Mahometo, sankta Paŭlo estis suferantaj de epilepsiaj krizoj; oni rakontas, ke Jesajo promenis nuda en la stratoj de Jeruzalemo, por montri al siaj samlandanoj, ke ili suferus la saman sorton, se ili konstraŭstarus al la reĝo de Asirio.

Heredanto de l'laŭleĝeco k de l'potenco solide hierarkigita de la roma imperio, la katolika eklezio sufokis frutempe la profetismon je la profito de l'sacerdota ĉiopovo. Malgraŭ tio necesos la mireginda lerto de l'papoj por malhelpi, ke la dolĉa inspirito Francisko de Asizoj ne denove malfermu la eraon de l'persona inspiro. « La spirito de l'papeco, skribas Ginjeber, havis tiam nenion idilian; organizite por konduki la homojn, ĉu ili volus aŭ ne, sur la vojoj de l'savo, sin apogante firme sur ilia konsentemo aŭ ilia kutimo, ĝi ne inklinis toleri ajnan konkurencon. Oni ne povis akuzi Franciskon pro malbonaj intencoj; lia mirinda humilo gardis lin ne nur kontraŭ herezo, sed plie kontraŭ la plej eta movo de fiero k sendependeco; li mem ne vidis la danĝeron, kia li estis; tiagrade, ke ŝajnis neeble haltigi lin brutece, aŭ nur kontraŭmeti al lia kortuŝa klopodado tro videblan baron. La eklezia politiko, kun la senkonscia kunkulpeco de l'publika spirito, agis pli trafe ol kontraŭbatalante la dolĉan revulon; ĝi superŝutis lin per siaj favoroj k per tio paralizis lin; poste, propradire, ĝi ekforŝtelis lian verkon k faris ĝin la sia, transformante ĝin tutege. » Francisko de Asizoj estis reduktata al la rolo de superulo de monaĥejoj! Laŭ ĝenerala maniero la sukceso de profeto dependas de l'tempaj k mediaj cirkonstancoj multe pli ol de liaj individuaj kvalitoj.

*Traduko el « Suprêmes Illusions » (Recherches sur le divin): « Plej altaj iluzioj (Serĉadoj pri la diaĵo).*

---

# Diskutejo.

*Demokrata aŭ aŭtokrata diktaturo ?*

Pri la fiasko de la demokratio k ties gvidantoj en Germanio oni sufiĉe kritikis (ankaŭ en « S.R. ») laŭ malbona maniero, precipe tiuj, kiuj nun regas k punas ĉiun, kiu kritikas kontraŭ ili. Kritiko estas sana, precipe se ĝi alportas plibonigon. En demokrata ŝtato ĝi ne estas tiom limigita, ĝi ne estas tiom prispionata laŭ ĉiuj vidpunktoj, precipe laŭ kulturpolitika rilato, kiel en aŭtokrata ŝtato. Detruante ĝi efikas (precipe al ni) kiel herbaĉo en kampo, se ĝi celas nur partipolitikajn interesojn. La idean skismon oni povas kompreni pli facile el la vidpunkto de l'reakciaj partioj k mensoj, ol el la vidpunkto de laboruloj.

Se la demokratio k ties gvidantoj fiaskis, ĉu kulpas pri tio nur la sistemo mem ? Ĉu ne pli multe kulpas la politikaj profit-interesuloj ? Antaŭ ĉio baris per konfuzaj frazoj tiuj, kiuj volas la revolucion per renverso perforta, la naturan vojon de revolucia klerigado.

Se demokratio (kiel sistemo) *nuntempe* estas utopio en kapitalista lando, tiam diktaturo (k speciale laborista diktaturo) estas pli granda utopio, k kiuj ĝin subtenas pro diversaj kaŭzoj, estas la plej grandaj utopiistoj. Kiom da malsprituloj k malkuraĝuloj (inter aliaj pli konsciaj K-doj) pro nura sentimento bonvenigas dum la nuna malbona tempo revoluciajn frazojn !

Kompreneble, estas pli facile kritiki, insulti pri ajna sistemo, al kiu oni kontraŭas, starante ekster ĉiu movado, havante nek celon nek idealon k ludante ĉiam rolon de t.n. konjunktura (laŭcirkonstanca) politikisto. Sed neniu organizo povas progresi aŭ daŭre ekzisti, se ĝi ne obeas moralajn principojn k ne akomodiĝas laŭ la ĝenerala evoluo en naturo, scienco, tekniko ktp., se ĝi ne laboras laŭ difinita sistemo, edukante, klerigante. Kvankam diktatoroj, filistroj ktp. mokridas pri la demokratio, al tiu sistemo kondukas la kreskanta tekniko, k per ĝi ni iras al nova kulturepoko, vera socialismo. Diktaturaj eksperimentoj ne proksimigas nin al tiu epoko. La diktatoroj ekregis en Germanio, ĉar la demokrata sistemo pro diversaj kaŭzoj ne estigis solidaron k fra-

tecon ĉe la amasoj, k oni ne obeis moralajn principojn. Sed prave socialistoj k sindikatistoj avertadis pri la infektmalsano de la diktaturoj, kiu invadis nun relative multajn landojn.

La rusa diktaturo, kiu daŭras jam preskaŭ 16 jarojn, estas pripensiga ekzemplo. Se neniu socialisto neas la progresojn sur la *kultura* kampo, laŭ politikaj k ekonomiaj rilatoj fiasko pli k pli evidentiĝas. Tiu reĝimo avertas siajn disĉiplojn kontraŭ la socialistoj, ignorante, ke nun la faŝista movado al ĝi fariĝas pli k pli danĝera.

La popolo ne *blinde* sekvis la socialistajn ideojn, kiel oni asertas, sed konscie. Ĝi scias, ke la socialistoj jam multon realigis laŭ evoluaj principoj k laŭ sia povo per la demokratio, ne atendante, ĝis la kapitalismo finmortos. La amasoj volas la socialismon, ne demandante kiu povas plenumi ĝin k sub kiu formo; ili ja ne estas boninformitaj pri la tendencaj diferencoj, de komunistoj, socialistoj k « nazi ». La amaso volas la unuecon de l'laborularo, eĉ trans la landlimojn, volas la veran socialismon k pensas nur pri kulpo de l'gvidantoj, ne vidante, ke socialisma ŝtato ne realiĝos per alia vojo ol tiu de demokratio. Sed diskuti pri la unueco tendenca kun la diverstendencanoj estis praktike kvazaŭ neeble, k reala kunlaboro, kie ĝi estis provata, fiaskis inter komunistoj k socialistoj, ĉar ĉe tiuj provoj la unuaj misuzis la fidon de la lastaj al la fortoj de l'demokratio. De tiam senkreditiĝis en tuta Germanio la demokrata socialismo. Kaj, kompreneble, la etburĝaro prefere emis akcepti socialismon sur *nacia* bazo, rifuzante la internacian socialismon. Kaj ĉu alilande estas diference?

Post falo de l'demokratio venkis la aŭtokratio. Certo estas por mi, ke se la demokrataj fortoj en la germ. parlamento estus konsistigintaj pli ol 50 %, la demokratio estus aginta pli kuraĝe laŭcele (en sociigo). Sed la ebloj postmilitaj restis neuzitaj. Ĉar ĝia regado estis nur malfirme bazita, k la aroganto de l'reakciuloj fortegiĝis en la parlamentoj, ĝi ne povis forte kontraŭstari koruptadon k burokratismon, kiu infektis eĉ kelkajn demokratajn k laboristajn funkciulojn. Krom tio *eble* ne ĉiam oni agis laŭ demokrata principo en propraj vicoj: malplimulto devas submetiĝi antaŭ plimulto. Same oni nebone pritraktis en la propra domo la salajrosistemon, kiu estas ĉe la origino de ĉiu skismo; pli multaj ĉagrene forlasis la sindikatojn pro tro altaj kotizoj. Certe ĉio tio estas kritikinda, sed proporcie al la nuna aŭtokrata ŝtato ĝi estas la pli malgranda malbono.

Hitler kun sia stabo volas forigi koruptadon ktp., k insulti pri korupto servis kiel bona preteksto. Ĉu li nun ĉie forigas la malbonon? Precipe ĉe altranguloj? Estu permesate dubi. Kritiki pri tio oni ne povas, tio estas malpermesata, k Hitler povas fari, kion li volas; mortis ĉiuj partioj (krom la reganta). La plej multaj el la nunaj regantoj vizitis ankoraŭ la lernejon, kiam eksplodis la milito; ili nenion scias pri antaŭmilitaj labor- k viv-kondiĉoj. Promenante kun revolveroj, ili povas suspekti ĉiun, kiu kuraĝus kritiki la diktatorojn. Arestado k malarestado daŭras; precipe komunistoj estas trafataj pro siaj malkaŝaj agoj; eble ĉi lastaj esperas tiel gajni la sekvontan revolucion. Diktaturo restas diktaturo.

*H. (Germ.)*

### *Aliaj voĉoj pri « Bonzoj ».*

Responde al la artikolo tiutema en n-o 6 mi volas fari kelkajn rimarkojn. K-do 13606 skribas: « Bonzoj estas tiuj, kiuj pro sia okupo en la laborista movado perlaboras siajn vivbezonojn ». Principe mi konsentas pri tio k ankaŭ pri la neceso de bonzoj en la lab. movado. Mi tamen dezirus postuli jenon de ili:

1. La bonzo ne fariĝu kvazaŭ iu dio, neatingebla por ordinaraj laboristoj; k neniam taksu sin tro alta por rilati kun ordinaraj laboristoj. 2. Li estu preta oferi siajn tutajn laboron k vivon por la lab. movado. Se ne, li ne fariĝu profesia revoluciulo. 3. Li ne gajnu pli grandan salajron ol kvalifikita laboristo. 4. Se li gajnas pli (ankaŭ se li gajnas duoble, ĉar li samtempe havas diversajn funkciojn, kiel ekz. parlamentano, sindikatgvidisto, urbestro, skabeno[1] ktp), li donu sian plian gajnon al la partia kaso.

Kiom da bonzoj plenumas tiujn postulojn k kiom da ili rapide forirus, se oni vere postulus tion? Rilate al punkto I. mi volas montri la germ. soc. dem. gvidistojn k ministrojn. Depost 1919 ili perdis la kontakton kun la amaso. Ili ne regis laŭ socialismaj principoj, sed intertraktis kun la grandaj kapitalistoj k industriistoj, ĉiam pli burĝiĝante. Preskaŭ ĉiuj soc. dem. funkciuloj fariĝis burokratoj, tiel apartigis sin de la amaso k restis surdaj por ĉiuj plendoj el tiu amaso. Tiuj funkciuloj vere estis bonzoj en la malbona senco, en kiu tiu vorto ĝenerale estas uzata. Neniu povas nei, ke ili grandparte kulpas pri la mortiĝo de la S.P.G. k la venko de Hitler.

Rilate al punkto 2 mi rimarkas, ke laŭ Lenin la gvidantaj revoluciuloj estu profesiuloj k laŭ la holanda aŭtoro prof. Kunrads (Coenraads) ili estu kvazaŭ « mortintoj kun forpermeso, kiuj estas sur la tero nur por plenumi sian taskon k poste reiri al la regno de la mortintoj ». Tio estas: profesiaj revoluciuloj absolute k tute k kuraĝe dediĉu sian tutan vivon al la revolucia afero.

Kiom da bonzoj vivas tiel? Mi legis, ke la germ. socialista funkciulo Nusbaŭm mortpafis S.A.[2]-anon, kiam oni venis por aresti lin. Li estis sola, sed li faris *ion*. Kion do faris la aliaj bonzoj por defendi la S.P.G.-on k ĝian monon k la posedaĵojn de la sindikatoj? Ili rifuĝis eksterlanden, ili kapitulacis senbatale, ili eĉ voĉdonis por Hitler en la parlamento k antaŭe helpis elekti Hindenburg, kiu poste elektis Hitler.

La 15an de aŭgusto 1933 alvenis en Stokholmo germana petrolŝipo, portanta la hokokrucflagon. Pro tio la svedaj laboristoj rifuzis malŝarĝi ĝin. La estroj k la *sindikatgvidistoj* klopodis laborigi ilin, sed la laboristoj ne eklaboris! Jen profesiaj gvidistoj de la klasbatalo! Kaj tre ofte ni povas konstati, ke la laboristoj devas klasbatali malgraŭ k kontraŭ siaj bonzoj.

Punktoj 3 k 4 fakte ne bezonas klarigon. Mi opinias, ke honesta K-do, kiu fariĝas salajrata funkciulo, do « bonzo », ne faras tion por havi potencon k bone pagatan oficon. Mi supozas, ke li nur havas la deziron labori por la socialisma idealo k tiam li certe mem deziras vivi kiel laboristo, inter k por laboristoj. Tamen en Holando ekz. estas diversaj bonzoj, kiuj kiel parlamentano jam gajnas duoblan laboristan salajron k krome pro aliaj funkcioj en la lab. movado ankoraŭ gajnas. Mi konas kelkajn, kiujn tiel gajnas 10-15 mil guldenojn k eĉ pli jare. La germ. socialistaj registaranoj gajnis ankoraŭ pli k tiuj bonzoj vivis k kondutis ĉiam pli burĝe. Ĉu la laboristoj povas fidi tiajn homojn?

Do, K-do 13606, se vi honeste esploras la faktojn, vi povas konstati, ke en la kritiko al la bonzoj estas multe da vero. Cetere la K-doj, kiuj kritikas la bonzojn, ne celas movadon senbonzan; ili nur volas kritiki k forigi la malbonajn, « grasajn », malkuraĝajn bonzojn, kiuj perfidis la laboristojn k kiuj ne kapa-

[1] Tribunala konfidulo-juĝanto.
[2] Hitler-milicano.

blas kontraŭstari la faŝismon. Ili volas anstataŭigi ilin per junaj, energiaj K-doj, sindonemaj k honestaj, kiuj ofereme dediĉas sian vivon al la proleta revolucio. Pro tio diversaj revoluciaj grupoj jam dum jaroj kritikadis la konservativajn k malrevoluciemajn bonzojn k jam delonge antaŭdiris, ke ilia taktiko nepre kondukos al malsukceso. La faktoj nun pravigis ilin.

Vi vidas en tiuj, kiuj atakas la bonzojn, atakantojn al la lab. movado ! Mi povus rideti, se la afero ne estus tro tragika ! Por ke la lab. movado estu sana k ne pereu kiel en Germanio, ni severege forigu ĉion putran el ĝi. Ni ne defendu perfidajn bonzojn k iliajn erarojn. La venko de Hitler estas akra leciono. Ni lernu el tio k nun estu pli prudentaj por eviti la samon en aliaj landoj !

*J. de Wit (13 611).*

* * *

K-do 13606 kritikas kritikantojn pro ilia kritikemo. Li pensigas min pri la knabo, kiu diris : « Mi volas vin bati, sed vi *ne* devas bati min ». Laŭ mi, nur la libera kritiko kondukas nin antaŭen. Do la kritiko al niaj bonzoj estas same necesa kiel la memkritiko. Mi ofte konstatis ke kredulo tre ĉagreniĝas pro kritiko al liaj pastroj, sed neniam li povas refuti la kritikon. Ĉi-okaze K-do 13606 ankaŭ ne liveras refuton. Domaĝe, ĉar ĝis nun oni nenie aŭdis aŭ legis ian valoran defendon favore al la akuzitaj bonzoj, kvankam iliaj sampartianoj ekstergermaniaj ankoraŭ disponas pri sufiĉe da esprimebloj (gazetaro, kunvenoj ktp).

Ke la bonzoj fariĝis viktimoj de sia propra laboro, ne pledas por ili : tio okazis ekster k kontraŭ ilia volo, same kiel tio ankaŭ de tempo al tempo trafas diktatorojn, reĝojn, policanojn, maristojn, ministojn ktp (laborrisko). La bonzoj dekomence ne estas pli malbonaj aŭ pli bonaj ol ĉi lastaj aŭ ol iliaj elektintoj. Pro tio la kritiko nur al la bonzoj pruvas ian limigitan percepton. Kulpas ankaŭ la tuta popolo k ĉiuj popoloj, kiuj kune faras la cirkonstancojn.

K-do 13606 demandas, per kio la kritikintoj volas anstataŭigi la organizojn kun bonzoj. Se ili respondus tiun demandon, tiam eble estiĝus polemiko inter la diversaj tendencoj, k por tio ne povas servi la SAT-organoj. Tamen ne estos perdo, se la laboristoj komencus mem pensi. Kiam ili konsciiĝos pri la barbareca stato, en kiu la mondo ankoraŭ troviĝas, tiam ili sin demandos, ĉu la dum la lastaj 40 jaroj sekvita vojo estis iel bona. Kion la grandaj partioj k sindikatoj atingis ? Ĉu tio estis socialismo ? Kaj kion ili perdis ? Ĉu ne unue la kredon al la socialismo, k poste ankaŭ la amasigitajn kapitalojn ? La ankoraŭ ne perditaj kapitaloj estas grandparte tiel bone investitaj en kapitalistaj k ŝtataj entreprenoj, ke por subite eksplodanta « batalo » ili ne estos disponeblaj. La posedo de kapitaloj, palacoj ktp estas tre duba afero en kapitalista mondo. Ni do celu al tia socialista movado, kia fervore amasigas k disvastigas idealismon, kredon al nova, pli bona socio, en kiu ni ne agnoskos « gvidantojn », havantaj la potencon nin prirabi. Se tia fariĝos la laborista spiritostato, tiam oni ne tiel alte taksas la perdon de kelkaj materiaj havaĵoj.

Ni do anstataŭigu la kredon al la bonzoj k al la kasoj per la kredo al la socialismo. Ke da tiu kredo ĝis nun estis malsufiĉe, montras la fakto, kiel facile marksistoj faŝistiĝas (nekalkulite la perforte devigitaj). En Nederlando eminentaj soc. dem. bonzoj verkas broŝurojn indajn al unuarangaj faŝistoj, k ili tamen ne estas eksigataj, eĉ restas en posedo de siaj postenoj !

*Konstruanto.*

*Socialismo k Religio.*

Leginte la artikolon de Oto Baŭer en la du lastaj n-oj de « S.R. », mi sentas min devigata, kontraŭi almenaŭ la plej fatalan teorion, kiun ĝi enhavas. Sur paĝo 75, dua kolono, 7-a linio kc. mi legas : « Tute aliel Marks k Engels imagis al si la venkon de la historiaj amasreligioj. Ili opiniis : La bezono de la homoj je religiaj ideoj k kultoj estiĝas el la sociaj k ekonomiaj kondiĉoj, sub kiuj la homoj vivas. »

Oto Baŭer ne tute samopinias kun ĉi Marks-a teorio, sed lia argumentado perdiĝas en filozofiaj profetaĵoj, praktike senvaloraj.

Jam tuj la sensenceco de tiu teorio montriĝas, kiam oni pripensas, ke en ĉiuj epokoj, sub ĉiaj sociaj k ekonomiaj kondiĉoj, ekzistis religiuloj k sendiuloj. Estas k estis religiaj riĉuloj k senreligiaj laboristoj k inverse. Mi estas liberpensulo, k mia kolego, vivanta sub precize la samaj cirkonstancoj, estas kristano. Antaŭe mi ankaŭ estis kristano, sed la socio restis kapitalisma. Preskaŭ neniu fariĝas religiulo pro la sociaj k ekonomiaj cirkonstancoj, sed 99 % pro heredo. Kaj la eklezioj tenas kune siajn anojn, tiel longe kiel ili ricevas sufiĉe da mono, laŭgrade kiel la religiaj postenoj estas bone pagataj. Tion mi tuj montros.

Kio estas la praktika efiko, kiun la supra teorio havas sur la marksistajn partiojn ? Ili konkludas el ĝi : « Ni ne kontraŭbatalu la religion, sed ni unue konstruu nian socialisman socion ; poste la religio « mortos sian naturan morton ». La Nederlanda Socialdemokrata Partio eĉ konsekvence subtenas la religion. La frazon « Religio estas privata afero » ilį reformis en « Religio estas publika afero », voĉdoninte por grandegaj sumoj ĉiujare pagendaj de la ateistoj k socialistoj por la religia instruado. Legu pri tio la artikolojn de la socialdemokrato Aarse en « S-ulo » n-oj 365, 372/73 k 381. Mi ne troigas dirante, ke tiaj marksistoj retrokondukas nin al la barbareco. Ĉar antaŭ akcepto de la leĝo favoreganta la religian instruon, nur proks. 40 % el la lernejoj estis religiaj k nun estas ankoraŭ nur 40 % da senreligiaj lernejoj en Nederlando. Tio signifas, ke post 10-20 jaroj la socio konsistos ĉefe el homaĉoj edukitaj en la spirito de Kolajn k Rojs (Ruys)[1]. Pli k pli malboniĝas la senreligia instruado, post kiam ĝi estis vendata de la soc. dem. partio.

Socialismo k religio rilatas kiel akvo k fajro. Analoga devus esti la sinteno de la soc. partioj kontraŭ la eklezio. Sed objektiva observanto povas konstati ilian daŭran flirtadon kun la eklezio. Sufiĉe da pastroj havas postenojn en la soc. dem. partio k tiel influas la membrojn, precipe la junularon, en religia, t.e. kontraŭsocialista direkto. Kie restis la socialisma sentimento inter la milionoj da membroj ?

Konkludo : Ni ne atendu la miraklan alvenon de el ĉielo ĵetita socialisma socio, sed ĉiutage kreskigu la socialismon en animoj laboristaj. Kaj en animoj plenigitaj per socialismo ne plu estas loko por religiaj fantaziaĵoj.

*Konstruanto.*

[1] Treege reakciaj k kristanaj elementoj en la ned. registaro.

# LITERATURO.

## Interbatado.

*Dan Andersson.*

La knabinoj el Marberja estis invitintaj la knabojn el Serbi k Esterŝe al dancado en la malnova brutista kabano de Finsveden, k ĉar estis aŭtuno k frostmalvarme dum la noktoj, oni estis ekbruliginta el malseka hejtligno fajron en la granda fandita ferforno. Krome oni provis teni la pordon fermita, kio cetere montriĝis vana : ĉar tie en la kavaĵo iu ĉiam emis resti. Sur la kalkita kamenbreto brilis kandelo fiksita per guto da stearino, kaj la sebo fluis en longaj gutegoj malsupren al la kamenplato. La lumo flagris pro la trablovo el forno k pordo k heligis la ĉambron per tremanta flavaĉa lumo. Drinkej-Jakobo, la muzikisto, blasfemis pro la malbona lumigo, li ne povis klare vidi la paŝojn sur la planko, li asertis, k tiel la takto malakordiĝis. Li estis ebrieta, portis kvadratumitan naztukaĉon volvita ĉirkaŭ sia dika bovokolo k kraĉis en ĉiu kvara sekundo sur la plankon kovritan per tremola foliaro. La ĉapelon li estis ŝovinta nuken, tiel ke la nigregaj haroj falis tie trans la kavo, kie la maldekstra okulo, perdita antaŭ longe en pasia batalo, iam sidis. Estis nur la naŭa vespere ; la plej multaj gejunuloj ankoraŭ restadis ekstere, bruante k kriante, sed ankoraŭ preskaŭ tute malebriaj.

Kiam ili eniris, la knabinoj venis grupe, ĉarmaj k gajegaj pro eksterdoma flirtado k pro mejllongaj marŝoj trans krutajn montojn k ventoplenajn marĉojn. Jakobo ekludis per sia nigra violono k la dancantaj paroj iĝis ĉiam pli multaj, ĝis la mallumeta ĉambro estis plena de turniĝantaj, ŝvitantaj korpoj, k la tremola foliaro ekleviĝis inter la densa polvo k la valso grincis orelŝire lamentante. Tra la nebulo brilis ankoraŭ la kandelo, senforte k dormeme, baldaŭ mortiĝanta.

La dancado haltis, oni ripozis momenton, litrobotelo aperis, dio scias de kie, k estis malplenigata iom post iom. Rekomenciĝis, per stampfoj, ridado k krietado de la knabinoj, kiam la ĉirkaŭpremoj iĝis malpli decaj. Post paso de unu horo la ĉeestantaro estis ebria.

Malfrue en la nokto ĉio iĝis pli malvigla, la valso lamentis treege pli malbelsone ol antaŭe k estis nur pasia kantaĉo el du melodiripetoj, kiuj finiĝis per ia burdzumado proksime al la baso. Ĉirkaŭe sur la longaj benkoj la knaboj sidis, ĉiu kun sia knabino ĉe la sino. Drinkej-Jakobo estis tro ebria por plue violoni k iris ŝanĉeliĝante ĉirkaŭen k petaĉis pri flartabako. La knabinoj pene bridis la riske palpantajn manojn de siaj adorantoj, ĉar ankoraŭ lumis la kandelo...

Kiam la tempo proksimiĝis al la unua, estis neniu plu, kiu dancis. Oni provokis al disputo, k Karlo Mac eltiris la tranĉilon k kuris mezen sur la plankon. Li estis ĉirkaŭata de la knabinoj, k Forĝist-Vilhelmo forĵetis de si la jakon. Post tio Karlo sin tenis trankvila, sed premadis la tenilon de la tranĉilo k grumblis inter la nigraj dentoj. Li certe estis venkonta Vilhelmon post la mallumiĝo — —

La kandelo lumis per la lasta guto, kelkaj paroj jam estis kaŝe elirintaj, por ke ili sole finu la plezuron laŭ malnova tradicio k samcela instinkto. Blovis malvarme de la pordo, kiu neniam fermiĝis, la fajro en la forno estis delonge mallumiĝanta ardmonteto k



Maserel

Jakobo provis ne plu muziki. Li volis anstataŭe danci k kriis per raŭka voĉo al Fin-Johano zorgi pri la violono. Sed Johano sidis kun Bienet-Elza ĉe la sino, ebria k apatie balancis la kapon. La krepusko estis profunda k Johano iĝis pli intima. Kiam Elza nek kriis nek montris ĉagrenan mienon, li riskis pli, tro ebria por povi sin bridi, k tuj kiam la kandelo per lasta streĉo ekflagris k tremante estingiĝis, lasante ilin ĉiujn en mallumo, li premis ŝin malsupren kontraŭ la benko k falis per sia peza, malgracia korpo sur ŝin, brute ŝirante ŝian maldensan kostumon.

— Ne, aŭskultu, Erkero ! Kaj rigardu al Johano. Gardu vin antaŭ la knabino, ŝi povus delogi vin ! kriis obtuza brandobaso. Estis Karlo Mac, kiu atendis la okazon por inciti. Post momento li sin ŝovis kvarpiede trans la plankon, kun la flartabakujo en la dekstra pugno.

— Ekbruligu kandelon ! kriis Vilhelmo, sed neniu havis kandelon. Elza estis sin deŝirinta k serĉis la vojon al la pordo. Eriko restis sur la benko k blasfemis, palpante per la manoj al la forkurintino, sed Forĝist-Vilhelmo estis trafita de io malmola ĉe la kapo k falis ĝemante planken.

Tiam aŭdiĝis forta bruo de ekstere el la korto, krudega voĉo blasfemis en kortranĉaj kolervortoj, k estis kvazaŭ fulmo trafis la amantajn batalantajn parojn interne de la densa mallumo. Ĉiuj stariĝis ; kiel fantomo ili staris silentante k aŭskultis, krom Vilhelmo, kiu kuŝis tute senmova sur la loko, kien li falis.

Iu foriris k plene malfermis la pordon, tiel ke la luno, kiu ĵus nun, klare brilante kiel polurita latuno, pendis je virlongo super la pinto de la Muelilmonto, enfalis per larĝa strio super la planko, kie io ruĝa brilis apud falinta viro en la plej malproksima angulo, k tie la knabinoj staris mutaj en timoplena atendo. Tra la homkolekto rapidis sufokanta murmurado :

— Grilen estas tie ĉi !

Nur tiu ĉi nomo estis la signalo al batalo, estis Grilen, kiu batalis sen kaŭzo, nur pro la neregebla inklino vidi la sangon flui de aliaj — li, kiu neniam

donis kaŭzon por sia sopiro ekbatali, sed kiu ne povis vivi, se li ne havis eblon fari tion; kiu batalis kontraŭ unu aŭ kontraŭ kvar, laŭ la okazoj, kiuj estiĝis. Li havis foje dekunu sangajn ĉemizojn en la sama lesivo. De la infanaĝo malamata de ĉiuj, li remalamis, insideme, malsincere, timeme, ĝis la ebrio regis lin. Tiam li finis malami k anstataŭ tio batalis.

Karlo Mac sciis, ke ĉiuj knaboj el Esterŝe jam iris hejmen, krom Vilhelmo, kiun li batis, kaj kiu kuŝis tie en angulo, laŭ aspekto senviva. Karlo Mac ekbruligis alumeton, sin klinis malsupren k aŭskultis. Vilhelmo spiris. Karlo Mac aŭdigis trankviligan ĝemeton k iris kaŝe ĉirkaŭ la angulon por rigardi. Li estis nun ree preskaŭ malebria. Ekstere radiis la plej klara lunbrilo.

Grilen, senĉapa k altkreska, kun la flartabakujo en la dekstra mano batalis kontraŭ ses viroj. Aŭdigis klakoj similaj al malfortaj pafoj, kiam flartabakujoj k malplenaj litroboteloj hazarde renkontiĝis en la aero, tintis pro frakasitaj glasoj, manoj vundiĝis k la sango fluis. Estis ses kontraŭ unu, k tiu unu batalis pro amuzo k pro la malamo, la ses por sin ŝirmi.

Kun disŝirita jako k la sangumitaj ĉemizmanikoj, disŝiritaj en aĉajn sangajn ĉifonojn, batalis Johano el Nordstremen kiel sovaĝulo, k Berj forĝhelpisto eklevis ŝtonon grandan kiel pugna mano, sed celis erare k falis vizaĝe teren pro sia propra pezo. Grilen uzis la okazon por direkti teruran piedbaton kontraŭ lia kapo, sed estis tro ebria por taksi ĝuste, balanciĝis la plej proksiman momenton malantaŭen, tiel ke la kvin aliaj ricevis batalpaŭzon. Sub sovaĝa unisona batalkrio la grupo kuris antaŭen kontraŭ la giganto.

Tiam brilis io arĝentblanka en la akra lunlumo. Tio estis la longa ingotranĉilo de Grilen, ĝi similis heziteman fulmon, preta por enpenetri. La grupo konsterniĝis, kiam la tranĉilo ekleviĝis, tenita en la aero de longa k harplena brako. La sangavidulo eksaltis k ekpikis, sed tiam la grupo jam estis dispartiĝinta en du vicojn, k post tio okazis la atako kontraŭ Grilen de malantaŭe k de la flankoj. Li volis sin turni, kiam subite forta ekpuŝo en la nukon direktis lin vizaĝe malsupren kontraŭ la frostiĝinta tero. Sed longe li ne kuŝis. Rapide kiel besto li restariĝis, levis la brilantan ŝtalon kontraŭ la grupo k rigardegis malbonsigne per nigraj okuloj, kiuj en la lunlumo brilis kiel du verdaj fantomlumoj sub la vilaj fruntharoj.

— Ekkuru! Ekkuru, vi kampulaĉoj! li kriis raŭke. Aliel estiĝos tie ĉi batalego, la diabloj vin kaptu!

La grupo ree hezitis. Karlo Mac staris tie ĉi ĉe la pordo k tenis sin neŭtrala; tio ne estis laŭ lia karaktero batali en tiu ĉi maniero. La tuta svarmo da knabinoj staris kaŝite malantaŭ la mastrum-domo, atendante la venkon aŭ malvenkon de *siaj* viroj.

Subite unu el la ses saltis kelkajn metrojn flanken; intence, k Grilen tuj iris en la embuskon, kuregante blinde kontraŭ tiu unu. La grupo kuniĝis denove al aro k rulis sin kontraŭ Grilen de malantaŭe. Dum kelkaj sekundoj la tuto estis unu sola miksaĵo, tiam subite iĝis tiel senbrue, ke nur la anhelantaj spiroj estis aŭdataj. La kriado, la frapoj, la klakoj estis ĉesintaj. Grilen kuŝis dorse sur la tero k Johano el Nordstrem genuis apud lia flanko. Lia kolo havis profundan vundon. Grilen ne moviĝis, sed li tenis ankoraŭ la tranĉilon per sia etendita, sanga mano.

La aliaj staris ĉirkaŭe, silentaj k seriozegaj. Iu volvis ruĝan naztukon ĉirkaŭ la kolo de Johano, post tio la vundito leviĝis k stariĝis inter la aliaj.

— Ĉu li estas morta? demandis iu.

Sed neniu respondis, ĉiuj tremis pro la eblo kulpi pri la morto de viro. Estis tre silente en la homkolektiĝo, k iu moviĝis por povi pli bone vidi.

Tiam li eksaltis, malseka de sango, k balanciĝante li levis la tranĉilon. Estus facile farebla, bati lin malsupren nun, sed neniu volis. La grupo estis vidinta sangon k murdi oni ne volis. Sed se ili restus, li murdus iun malgraŭ siaj danĝeraj vundoj. Muta penso de saĝa kompreno regis la grupon. Ili kuris kelkajn paŝojn k foriris.

— Sed se li sekvos nin, ni defendu nin, diris voĉo en la amaso. Kaj neniu havis ion por aldoni. Sole staris Grilen tie sur la sanga loko.

Li mallevis la tranĉilon k rigardegis sovaĝe ĉirkaŭ si, rimarkis iun lumon post la brutejo k ŝanceliĝis tien. La lumo estis malaperinta post la brutejo k li sin turnis reire al la ĉambro. Tie la pordo ankoraŭ estis malfermita k tra ĝi enfalis kiel antaŭe la lunlumo k radiis sur io ruĝa apud senmova korpo en angulo. Grilen restis en la pordo, rigardegis al la korpo, al la malplena kameno k al la sango, ŝanceliĝis, ekblasfemis, perdis la tranĉilon, falis trans la sojlon k restis kuŝanta tie, kien li falis.

*Laŭ la sveda lingvo de Nigrulo.*

---

## Eterna Lulkanto

*EMBA*

*Pro perdita ido*
*Ploras turto-par'*
*Kaj la ventrapido*
*Ploron kun amar'*
*Portas, portas,*
*Blove portas*
*Super la kovrilo*
*De lulilo*
*Miozola,*
*Nigra, kota...*
*Dormu filo, eta filo!*

*Kun dolora varmo*
*De amanta kor',*
*La patrina larmo*
*Inter skua plor'*
*Fluas sur la,*
*Fluas sur la*
*Miozol-kovrilon*
*De lulilo*
*Por eterna,*
*Sen alterna...*
*Dormu filo, blonda filo!*

*Kun la korcikatro,*
*Muta pro dolor'*
*Jen mi, via patro*
*Staras jam dum hor'*
*Vivolace,*
*Vivmalpace*
*Apud la lulilo*
*Kun kovrilo*
*Miozola,*
*Miozola...*
*Dormu filo, mia filo!*

*Murdas frat' la fraton,*
*Sangon ŝvitas sun';*
*Ve, plenigas straton,*
*Jen terortribun':*
*Mortoĉaro*
*Kaj ŝliparo...*

*Ferkalen', pafilo,*
*Maltrankvilo,*
*Ploro, ĝemo,*
*Murdo, tremo...*
*Dormu kara, mia filo !*

*Jam pli bone por vi*
*En la prasilent'*
*Ĝiseterne dormi*
*Pace en kontent',*
*Sen malsalo,*
*Sortobato...*
*En la tomb' lulilo,*
*En trankvilo,*
*Sub la floroj,*
*For de ploroj*
*Dormu kara, mia filo !*

*Dormu, dormu mia*
*Eta, blonda fil' ;*
*Sonĝu, sonĝu pri la*
*Orfa pilkludil' !*
*En mistera*
*Sonĝ' subtera*
*Dormu en trankvilo ;*
*Sub kovrilo*
*Miozota*
*Miozota*
*Dormu kara, mia filo !*

La 25. apr. 1933 ĉe la tombo de mia mortinta fileto.

# Malfermitaj Leteroj.

**Dua parto**[1]

Hodiaŭ, amiko kara, okazas grava patriota manifestacio. Pensu do ! Generalo, nova ĉe la korpuso, eliros sian ekspresvagonon je la 14-a posttagmeze. Tuta taĉmento lin atendos kun ekbrilo de polurita ŝtalo k militemigaj trumpetarioj.

La regimento, kiu ĉi-foje liveras la honoran taĉmenton, estas la mia. La kolonelo ekipigis la bluĉapulojn. Novaj vestoj, novaj ledaĵoj, ciritaj ŝuoj k brilaj kaskoj. Li, dikventra burĝo en civilvestoj, « impona » ĉefo sub la kakia vesto peza pro galonoj k ordenoj, akceptos la generalon per la tradiciaj sensencaj bonvenparoloj k per eta gajiga tintetado de bajonetoj. Li tie ĉi preparis jam de longatempe la karnavalon de l'hodiaŭa tago.

Kiam temas montri la francajn soldatetojn, « niajn karajn soldatetojn », sur la stratoj, oni bone nutras ilin (ho ! relative), por ke ili freŝmienu k ridetu pro kontentiĝo. Oni disdonas al ili tute novajn vestojn, ŝuojn, ledaĵojn. Ili devas belaspekti. La franca armeo devas esti respektinda k la franca soldato, « tiu kara soldaĉjo », enviinda (ho ! ironie).

Tiu afero memorigas min pri alia ne malpli interesoplena k certe pli instrua historio. Iun dimanĉon estis okazontaj balotoj en la urbo. La urbestraro postulis de l'regimentestro sekurgvardion. La antaŭan vesperon oni redaktis liston da malnovaj rekrutoj por tiu tasko. La novaj rekrutoj ne estis sufiĉe kutimigitaj al tiu speco de plezuro.

Oni nin grupigis laŭ postengvardieto el seso kun unu suboficiro, postenestro, k sepope ni foriris al niaj indikitaj postenlokoj, balotoficejoj. Tiun dimanĉon ni manĝis ĝis satiĝo... malofta afero, k krome, ni ankoraŭ pli ol ĝis satiĝo... trinkis, ĉar specialaj ordonoj estis donitaj koncerne tion de la urbestraro. Ĉiu facile komprenos la kialon de tiu donacemo. Tio estis nia unua ekstera deĵoro, sed mi tuj klare ekkonis tiun fakton.

Mi malmulte trinkis da vino, ĉar mi ne kutimas, sed mi kredas, ke se tamen mi kutimus, nur la malestimo al tiu agmaniero min malhelpus ĝoje trinki. Tamen ĉiuj miaj kamaradoj ĝoje trinkis, ĉar « senpaga estis la regalo », kiel ili malnoble deklaris kun tiu ciniko de l'malfortuloj. Kiel miri, ke ofte la soldataro « bonvole » pafas al la surstrata homamaso ?

Kiam la cerbo nebuliĝis pro drinko, estas ofte ne tre malfacila afero glitigi en la manon dudekon da kugloj. La konscienco tiel amorfa kiel la konscio, ne vekiĝos. Male ĝi dronas. La gvardio eliras sur la straton, la blinda manifestantaro kriegas, iu ĵetas ŝtonon, kelkfoje petola ekscitita infano, k pafoj spontanee fulmas.



Ludiloj

Jen la malĝojiga afero, la plej malĝojiga, kiun mi konas, k ci, k mi, tiom stranga kiom tio povas al ci ŝajni, kapablas, jes, nepre kapablas, kara mia, agi kiel tiuj soldatoj !

Ĉu ci tremas pro timo je tia penso ? Tial, ci vidas, mi ne povas viŝi el mia memoro tiun vizion. Dum mia gard-horo mi promenis antaŭ la elektoficejo, kiam knabetoj, amindaj blondkapaj knabetoj kuris al mi k min ĉirkaŭis kun amuzitaj petolemaj rigardoj. Unu ekkaptis mian bajoneton. Alia ekriskis preni mian kaskon.

Raketis la demandoj. — Por kion fari... tiun sabron, sinjoro ?

— Kio estas tiuj valizetoj ĉe via zono ?

— Ĝi estas peza ! ĉu ne, via kasko ?

— Tiu sabro estas bajoneto, oni ĝin fiksas ĉe la ekstremaĵo de l'musketeto.

— Ĝi estas malfacile elingigebla ! — Vi estas forta, sinjoro, por ĝin elirigi, ĉu vi volas ĝin al mi montri, sinjoro ?...

— Ne interesas knabeton. — Tiuj valizetoj estas kartoĉujoj.

— Ho, malfermu ilin, ke mi vidu la kartoĉojn !

— Ne estas kartoĉoj en ili, knabeto.

— Kial do vi ilin havas ?

Kaj ĉarma bubego kun infane dolĉa voĉeto tre milda, tre karesema :

[1] Vd. ankaŭ la antaŭan n-ron.

— Ho diru! sinjoro, ĉu okazos ankoraŭ milito? Vi sciu, sinjoro, mia paĉjo, li iris en la militon, li havis kaskon tre multpezan, kiel vi, k li havis ankaŭ bluan mantelon. Li havis longan barbon, kiam li revenis por kisi panjon k min. Panjo ploris multe, ĉar li reforiris. — Vi ne havas galonojn? Sinjoro, mia paĉjo havis da ili.

— Ĉu okazos ankoraŭ milito? la ĉarma blondharulo demandis kun anĝeldolĉa rideto. — Ĉu ili estos ankoraŭ malbonaj, la « boŝoj »?[1]

— Pan! pan! kriis la aliaj, ebriigitaj per la vido de mizera soldateto, kiu eble murdos iliajn patrojn antaŭ ĉi tiu vespero, se « necesas ».

— La milito? Bubo, ci ne scias, kio estas tio; teruraĵo ĝi estas. Nur dependas de vi, bubegoj, kiam vi estos altkreskaj, ke vi estu homoj. Sed necesos via tuta energio, por ke vi kapablu neniigi la grandan veon de l'homoj.

La *boŝoj* ne ekzistas antaŭ ni, la *boŝoj*... ili estas tiuj, kiuj volas la militon, la militil-komercistoj.

La anĝelrigardoj min observis silente k mire, kvazaŭ antaŭ io, kion ili pli prikonscias ol klare komprenas. Ekregis momento de silento; poste la knaboj disiĝis kun malpli da krioj k entuziasmo ŝajne militistemaj, kvazaŭ ili ekkomprenus, ke ĉio ne estas bela laŭ la eksteraĵo.

Kaj mi revenis vespere kun multaj dolorpensoj k granda deziro kuŝiĝi. La tago estis plenplena je okazaĵoj, k mi bezonis mensan ripozon — k korpan ankaŭ...

*J. E. S.*

## Nia celo, nia laboro, nia venko

Melodio : **Himno pri la Kreo** de Bethovn (Beethoven).[2]

*Nek maro nek la naciaj landlimoj*
*Malhelpos nin en nia labor'.*
*La celo nia, ke sklavaj animoj*
*Kuraĝon prenu ĉe la kor'.*
*La monan dion detrui ni devas,*
*Se ne ĝi certe venku nin.*
*Sed nun la homoj klerigon ricevas,*
*Por venki certe en la fin'.*

*Alb. Dean* (15 312).

# La Sovetia Robinzono

*Ilja Ilf k Eŭgeno Petrof.*

La redakcio de l'duonmonata ilustrita « Aventuroj » malhavis verkojn kapablajn absorbi la atenton de l'viriĝanta leganto.

Ekzistis certe kelkaj manuskriptoj, sed tio ne estis la serĉito. Ili odoris tro pri seriozo k, por diri la veron, mallumigis la viriĝantan animon pli ol ke ili absorbis ĝin. Nu, la ĉefredaktoro volis je ĉiu ajn prezo absorbi.

Por trovi rimedon, oni do decidis mendi romanon kun daŭrigoj, k la ĉasisto, provizita per kunvokilo, foriris al la romanverkisto Moldovozev. Tiele ke, tuj la sekvantan matenon, ĉi tiu sidis sur la komforta sofo, kiu meblis la oficejon de l'ĉefredaktoro.

— Vi komprenas min, ekklarigis la ĉefredaktoro, tio devas nepre esti io amuza, vivanta, plena de interesegaj aventuroj. Unuvorte, mi volus havi sovetian Robinzonon Kruzoe. Absorbe ĝis tia grado, ke la leganto estas malhelpita sin disigi de ĝi.

— Robinzono? Sed estas facile, respondis lakone la verkisto.

— Ne, tamen, ordinara Robinzono, sed, notu bone en memoron, sovetia Robinzono!

— Kiun alian Robinzonon do vi volas, ke mi fabriku? Certe sovetian, mi tamen ne povas al vi fari rumanan!

La verkisto ne estis babilema. Oni facile konvinkiĝis, ke tiu estis homo de l'ago.

Je la interkonsentita dato la romano estis plenumita, sen ke Moldovozev multe malproksimiĝis por tio de sia famkonata modelo. Ĉar oni bezonis Robinzonon, Moldovozev ne povis fari ion pli bonan ol priskribi tian.

Sovetia junulo suferas ŝiprompiĝon. La ondoj reĵetas lin sur dezertan insulon. Li estas sola, sendefenda antaŭ la potenca naturo. La danĝeroj ĉirkaŭas lin : la sovaĝaj bestoj, la praarbaro, la torentaj pluvoj. Sed, plena je energio k vervo, la sovetia Robinzono triumfas super ĉiuj malhelpoj ŝajne nevenkeblaj. Kaj tri jarojn poste, sovetia ekspedicio lin retrovas tute sana k bonfarta. Li venkis la naturon, konstruis kabanon, ĉirkaŭis ĝin per verdanta ĉirkaŭbaraĵo el legomĝardenoj, bredis kuniklojn, kudris al si, per simiaj vostoj, vestaĵon laŭ Tolstoj, k lernigis al la papago veki lin ĉiumatene per jenaj energiaj paroloj : « Forĵetu la kovraĵon! Forĵetu la kovraĵon! ni ekkomencos nian matenan gimnastikon! ».

— Bonege, aprobis la ĉefredaktoro, k kio rilatas la bredadon al kunikloj, tio estas simple grandioza.[3] Romano vere aktuala. Sed, inter ni dirite, la ĝeneralan tendencon de l'verko mi malkonstatis.

— La lukto de l'homo kontraŭ la naturo, respondis Moldovozev kun sia kutima lakoneco.

— Jes, sed mi vidas en tio nenion aparte sovetian.

— Kaj ĉu la papago ne anstataŭas la radion?

— La papago estas tre trafa, same kiel la ĉirkaŭbaraĵo el legomĝardenoj. Malgraŭ tio oni ne sentas en ĝi la atmosferon de la sovetia vivo. Ekzemple, kie vi enŝovis la lokan komitaton? Kaj plie vi ne diris vorteton pri la estra rolo de l'profesiaj sindikatoj.

Moldovozev montriĝis iomete malkvieta.

— Kie do mi prenu lokan komitaton, ĉar la insulo estas dezerta?

— Mi bone scias, ke la insulo estas dezerta, sed loka komitato estas nepre necesa. Mi, mi ne estas artisto de l'parolo, tio ne malhelpas, ke je via loko mi estus tamen enkondukinta ĝin en la rakonto kiel sovetian elementon.

— Sed konsideru, ĉar la temo estas tute bazita sur la fakto, ke la insulo estas dezerta...

Ĉi tie Moldovozev renkontis la rigardon de l'ĉefredaktoro k interrompis sin. Liaj okuloj estis tiel bluaj k tiel malplenaj, ke la verkisto decidis akcepti kompromison.

— Efektive, vi estas prava, li daŭrigis, mi demandas min, kial mi ne mem pensis pri tio. Du personoj do elsaviĝas post la ŝiprompiĝo : Robinzono k la prezidanto de l'loka komitato.

— Miaopinie, du aliaj membroj de l'komitato sukcesas ankaŭ savi sin, diris malvarme la ĉefredaktoro.

— Ho! ĝemis Moldovozev.

— Neutilas ĝemi. Du aliaj membroj k, diru ni, unu K-dino aktiva, tiu, ekzemple, kiu estas komisiita pri la enkasigo de l'kotizoj.

[1] Kromnomo al germanaj soldatoj dum la milito 1914-18.
[2] Ŝparcele ni ne reproduktas la muziknotojn; ili estas haveblaj en ĉiulandaj muzikvendejoj (k enestas multajn kantarojn).
[3] Aludo al instigo. — *Trad.*

— Sed al kio servus kasistino ? Ĉe kiu ŝi enkasigus ?
— Ĉe Robinzono !
— Sed por tio la prezidanto estus sufiĉa. Mi certigas al vi, ke li plenumus la taskon tre bone.
— Jen vi faras gravan eraron, K-do Moldovozev. Tia situacio estas absolute nepermesebla. Prezidanto de loka komitato neniam devas malŝpari sian tempon por bagateloj k sin okupaĉi pri la kotizoj. Precize kontraŭ tiu ĉi speco de malŝparo ni batalas. Li devas dediĉi sin ekskluzive al direktaj laboroj.
— Nu bone ! akceptita la kasistino, submetiĝis Moldovozev. Finfine, eble tio estos pli bona. Ŝi edziniĝos kun la prezidanto aŭ Robinzono mem. Tio pliigos la intereson pri la legaĵo.
— Ha ! ne, mi petas vin ! Necesas eviti la facilan specon k la malsanan erotikismon. Ŝi enkasigu la kotizojn k gardu ilin en monŝranko.
Moldovozev agitiĝis sur sia sofo.
— Permesu, permesu, sur dezerta insulo ne povas temi pri monŝranko !
La redaktoro pripensis momenton.
— Aŭskultu, li diris fine, en via unua ĉapitro ekzistas ĉarma tekstloko. Ĉu vi ne rakontas tie, kiel la ondoj reĵetas sur la bordon, samtempe kiel Robinzonon k la prezidanton de l'loka komitato, tutan amason da objektoj ?
— Ho certe : hakilon, fusilon, kompason, rumbarelon k flakonon kun serumo, elnombris triumfe la verkisto.
— Vi povas forstreki la rumon, respondis rapide la ĉefredaktoro, k tiam, kio estas krome tiu serumo ? Inkbotelo valorus multe pli, same kiel monŝranko.
— Vi insistas pri tio, pri la monŝranko ! Kial oni ne povus gardi la kotizojn en truo de malnova arbo ? Kiu ŝtelus ilin sur dezerta insulo ?
— Kiel ? Kiu ilin ŝtelus ? Kaj Robinzono ? Kaj la prezidanto de l'loka komitato ? Kaj la du aliaj membroj de l'komitato ? Kaj la kooperativa komisiono ?
— Ĉu ĉi tiu lasta sin savas ankaŭ ? demandis senenergie Moldovozev.
— Ĝi ankaŭ savas sin.
Ekestis silento.
— Eble la ondoj reĵetas ankaŭ grandan kunventablon ? demandis kun sarkasmo la aŭtoro.
— Sed tio estas memkomprenebla ! Ĉu oni ne devas certigi al la K-doj komfortajn laborkondiĉojn ? Akvokarafo, sonorileto, tabla tapiŝo. Ekzemple pri la koloro de l'tapiŝo mi ne insistas, ĝi povas esti ruĝa aŭ verda. Mi ne volas malhelpi vian artistan kreliberon. Sed tio, kio estas necesa, mia kara, estas montri unuavice la amasojn. La laboristajn amasojn.
— La maro ne povas elĵeti amasojn sur dezertan insulon. Tio estas absolute kontraŭa al la temo mem de l'historio. Pripensu iomete ! La ondoj elĵetas sur la bordon kelkajn dekmilojn da homoj ! Sed tio estus vera ridindaĵo...
— Iom da sana rido en tio ne estus tro, K-do, rimarkigis la ĉefredaktoro.
— Ne, la maro estas nekapabla fari similan aferon !
— Kial la maro ? ekmiris la ĉefredaktoro.
— Per kia alia maniero do la amasoj tien alvenas ? ĉar temas pri dezerta insulo ?
— Kiu diris al vi, ke ĝi estis dezerta ? Ŝajnas al mi, ke vi havas la intencon konfuzi min. Dume ĉio estas tute klara : ekzistas insulo, aŭ, pli bone ankoraŭ, duoninsulo. Duoninsulo aspektas pli trankvile. Okazas tie serio da atentostreĉaj aventuroj. Oni faras tie propagandon favore al la sindikata agado. De tempo al tempo, tiu ĉi agado montriĝas ne sufiĉa. La aktiva K-dino prezentas la faritajn erarojn, eĉ se nur temus pri la enkasigo de l'kotizoj. La amasoj k la pentema prezidanto ŝin helpas ĉe tio. Oni povus doni ĉe la fino ĝeneralan kunvenon. Guste de l'arta vidpunkto tiu fino havus grandan efikon. Kaj jen ĉio.
— Kaj Robinzono ? murmuretis Moldovozev.
— Bone, ke vi memorigas min pri li. Por al vi diri la veron, Robinzono min ĝenas iomete. Eliminu lin komplete. Esence, estas nur neŭrastenia karaktero tre malmulte pravigebla.
— Nun mi komprenis, respondis Moldovozev kun voĉo el trans la tombo. La romano morgaŭ estos preta.
— Bonan ŝancon, k kreu en plena libero. Cetere, via romano komenciĝas per ŝiprompiĝo. Mi kredas, ke estus pli bone ankaŭ forigi ĉi tiun. Via teksto povos nur profiti ĉe la legado. Ĉu tio ne estas ankaŭ via opinio ? Jen afero bone aranĝita. Ĝis revido, kara K-do.

*Tradukis Elma.*

---

## La alegorio pri la cisterno

*Eduardo Belami (en « Egalo »).*[1]



Estis iam tre seka lando, kies popolo tre bezonis akvon. Ĝi faris nenion ol serĉi akvon de la mateno ĝis la vespero k multaj pereis, ĉar ili ne povis trovi ĝin.

Tamen estis ankaŭ en tiu lando kelkaj homoj, kiuj estis pli ruzaj ol la aliaj k ĉi tiuj estis kolektintaj akvoprovizon, dum la aliaj nenion povis trovi. La nomo de tiuj homoj estis kapitalistoj.

Tiel okazis, ke la homoj el tiu lando venis al la kapitalistoj k demandis, ĉu ili volos doni akvon al ili por trinki el la akvo kolektita, ĉar ili multe suferis pro granda akvomanko.

Sed la kapitalistoj respondis : — Iru for, vi malsaĝaj homoj ! Kial ni donus akvon al vi el la akvoprovizo kolektita de ni, ĉar tiam ni fariĝos tiel same kiel vi k kun vi pereos ! Sed vidu, kion ni faros por vi : Estu niaj servistoj k vi havos akvon. Kaj la popolo diris : donu al ni nur akvon k ni estos viaj servistoj, ni k niaj infanoj. Kaj tiel okazis.

La kapitalistoj estis saĝaj homoj k distingiĝis per saĝo super sia generacio. Ili dividis la popolon, kiu servis ilin, en grupojn sub la ordono de oficiroj k estroj k sendis kelkajn grupojn al la fontoj por ĉerpi k aliajn ili sendis por serĉi pri novaj fontoj k aliajn ili ankoraŭ portigis akvon. Kaj ĉiom da akvo estis portita al unu loko k tie la kapitalistoj konstruis grandan ujon por konservi ĝin k ili nomis tiun ujon la merkato, ĉar tien venis ĉi tiu popolo (la servistoj de la kapitalistoj) por akiri akvon. Kaj la kapitalistoj diris al la popolo : Por ĉiu sitelo da akvo, kiun vi alportos al ni, por ke ni povu verŝi ĝian enhavon en la ujon, kiu estos alportata k kiu estas nomata la merkato, ni donos al vi po kvin cendoj k por ĉiu sitelo, kiun vi ĉerpos el la cisterno, por ke vi povu trinki, vi k viaj edzinoj k infanoj, vi donos al ni po dek cendoj k la diferenco estos nia profito, ĉar ni tiujn ĉi aferojn ne farus por vi, se ne estus por tiu profito k vi do ĉiuj devus perei.

[1] Vidi la artikolon pri E. Belami sur p. 87.

Kaj estis bone tiel en la okuloj de la popolo, ĉar ili estis malrapidaj en kompreno k ili alportis diligente akvon en la ujon dum multaj tagoj k por ĉiu sitelo, kiun ili alportis, la kapitalistoj donis al ĉiu viro po kvin cendoj. Sed por ĉiu sitelo, kiun la kapitalistoj ĉerpis el la ujo k donis al la popolo por trinki, la popolo donis al la kapitalistoj po dek cendoj.

Sed post multaj tagoj la cisterno, kiu estis nomata merkato, superfluis, ĉar por ĉiu sitelo, kiun la popolo verŝis en la cisternon, ili nur tiom reakiris, ke ili povis aĉeti duonan sitelon. Kaj pro la restaĵo, kiu kuŝis en la ujo de ĉiu sitelo, superfluis la ujo, ĉar estis multaj el la popolo ; el la kapitalistoj estis nur malmultaj k ili ne povis trinki pli ol la aliaj. Tiel okazis, ke la cisterno superfluis. Kaj kiam la kapitalistoj vidis, ke la akvo fluis trans la randon, ili diris al la popolo :

— Ĉu vi ne vidas, ke la ujo, kiu estas nomata merkato, superfluas ? Sidiĝu k atendu pacience, ĉar vi ne plu alportos akvon al ni, antaŭ ol la cisterno estos malplena.

Sed kiam la popolo ne plu ricevis kvin cendojn de la kapitalistoj por la akvo, kiun ili alportis, ili ne povis plu aĉeti akvon de la kapitalistoj, ĉar ili nenion posedis por pagi. Kaj kiam la kapitalistoj vidis, ke ili ne ricevis plu profiton, ĉar neniu homo aĉetis akvon de ili, tiam ili maltrankviliĝis.

Kaj ili elsendis virojn al la grandaj vojoj k al la vojetoj, vokante ĉiun kiu havas soifon, ke li venu al la cisterno k aĉetu akvon de ili, ĉar la akvo superfluas ; k ili diris unu al la ali :

— Vidu, la tempoj estas malbonaj ; ni devas reklami.

Sed la popolo respondis k diris : Kiel ni povus aĉeti, kiam vi ne dungas nin, dum ni volonte aĉetus akvon, ĉar ni soifas. Kaj vi ne bezonus reklami.

Sed la kapitalistoj diris al la popolo : — Ĉu ni redungu vin por ankoraŭ alporti pli da akvo ? Kiam la cisterno, kiu estas nomata merkato, jam superfluis ? Vi unue devas aĉeti akvon k kiam la cisterno estos malplena, ni denove dungos vin por plenigi la cisternon.

Kaj tiel okazis, ĉar la kapitalistoj la popolon ne plu dungis por alporti akvon, ke la popolo la akvon, kiun ĝi jam estis alportinta, ne povis aĉeti, la kapitalistoj ne plu dungis la popolon k la homoj parolis pri tiuj ĉi aferoj k diris : « Estas krizo ».

Kaj la soifo de la popolo estis granda, ĉar ne estis nun tiel, kiel en la tagoj de la prapatroj, kiam la tuta lando estis disponebla por ili, por ke ĉiu por si mem povu serĉi akvon.

Sed la kapitalistoj estis preninta ĉiujn fontojn, barelojn k sitelojn, por ke neniu povu akiri akvon, escepte nur el la cisterno, kiu estas nomata merkato, k la popolo murmuris kontraŭ la kapitalistoj k diris :

— Vidu, la ujo superfluas k ni mortas pro soifo. Donu al ni akvon, por ke ni ne pereu !

Sed la kapitalistoj respondis : Ne, la akvo apartenas al ni ; vi ne trinkos da ĝi, se vi ne aĉetos ĝin de ni per via mono. Kaj ili ĵuris per ĵuro k diris laŭ siaj kutimoj : « Negocoj estas negocoj ». Sed la kapitalistoj maltrankviliĝis, ĉar la popolo ne aĉetis plu akvon k ili do ne akiris plu profiton k ili diris unu al la alia : — Ŝajnas, ke nia profito ĉesigis nian profiton k pro tio, ke ni jam faris tiom da profito, ni nun ne plu povas fari profiton. Kia estas la kaŭzo, ke niaj profitoj ne estas pli profitdonaj k malriĉigis nin ? Ni konsultu la profetojn, ke ili klarigu al ni ĉi tiujn aferojn. Kaj ili venigis ilin.

La profetoj estis homoj, kiuj estis kleraj por klarigi malklarajn vortojn k kiuj sin kunigis kun la kapitalistoj pro la akvo de la kapitalistoj. Ĉar ili akiros akvon por trinki, ili k iliaj infanoj. Kaj ili parolis anstataŭ la kapitalistoj al la popolo k estis senditaj de ili, ĉar la kapitalistoj ne estis homoj de rapida kompreno nek de rapida lango k la kapitalistoj turnis sin al la profetoj, ke ili klarigu tiujn ĉi aferojn por ili, nome kia estis la kaŭzo, ke la popolo ne plu aĉetas akvon de ili, kvankam la cisterno estis plena.

Kaj kelkaj el la profetoj diris : — La kaŭzo estas tro multe da produktado. Kaj aliaj parolis : — La kaŭzo estas tropleneco.

Sed la signifo de ambaŭ vortoj estis la sama, k denove aliaj diris : — La kaŭzoj estis makuloj sur la suno k ankoraŭ aliaj diris : — La kaŭzo estas nek tropleneco, nek makuloj sur la suno, la malbono fariĝis pro manko de konfido. Kaj dum la profetoj laŭ siaj kutimoj interbatalis, dormetis k dormis la viroj de la profito. Kaj kiam ili vekiĝis, ili parolis al la profetoj : — Nun estas sufiĉe, vi konsole alparolis nin. Iru nun por ankaŭ al la popolo doni konsolon, por ke ankaŭ ĝi trankviliĝu ! Kaj lasu nin trankvilaj.

Sed la profetoj, eĉ la viroj de malserena scienco (tiel ili estis nomataj de kelkaj) iris malvolonte al la popolo, ĉar ili timis esti ŝtonĵetataj, ĉar la popolo ne ŝatas ilin, k ili diris al la kapitalistoj : — Mastroj, estas la sekreto de nia arto, ke nur tiuj, kiuj estas kontentigitaj k ne soifas k havas ripozon, per niaj vortoj povas esti konsolitaj. Ili, kiuj soifas, ne trovos pacon en ĝi, ili preferas moki nin, ĉar laŭŝajne, kiam ili ne estas satigitaj, nia saĝo ŝajnas al ili malplena k sensignifa.

Sed la kapitalistoj diris : Daŭrigu ! Ĉu vi ne estas elektitaj por plenumi tion, kion ni ordonis al vi ? Kaj la profetoj iris al la popolo k klarigis la sekreton de la tro multa produktado k kiel okazis, ke ili devas perei pro soifo, ĉar estas tro multe da akvo k kial ne povas esti sufiĉa, ĉar estas tro multe da ĝi. Kaj tiel same ili parolis al la popolo pri la makuloj sur la suno k diris, ke ĉi ĉio estis veninta pro manko de konfido.

Kaj okazis tiel, kiel la profetoj estis profetintaj, ĉar al la popolo ŝajnis ilia saĝo senenhava k sensignifa k la popolo mokis ilin, kriante : — Foriĝu, sentaŭguloj, ĉu vi volas moki nin ? Ĉu povas el abundo naskiĝi malsato ? Ĉu nenio povas naskiĝi el multo ? Kaj ili kolektis ŝtonojn por ĵeti al ili, k la kapitalistoj vidis, ke la popolo ankoraŭ ne estas kontenta k ne kredas la vortojn de la profetoj, k ili timis, ke ili perforte alproprigus akvon el la cisterno. Tiam ili sendis iujn sanktajn virojn (sed ili estis falsaj profetoj), kiuj ordonis al la popolo resti trankvila k ne malagrabligi la kapitalistojn, kvankam ili estas soifaj.

Kaj tiuj ĉi sanktaj viroj, kiuj estis falsaj profetoj, atestis al la popolo, ke tiu ĉi malfeliĉo estis sendita al ĝi de Dio por la savo de iliaj animoj k kiam ili toleros ĝin pacience k ne deziros akvon nek malagrabligos la kapitalistojn, ili venos post sia morto en landon, kie ne ekzistas kapitalistoj k estas abundo da akvo.

Estis tamen kelkaj veraj profetoj de Dio k ĉi tiuj kompatis la popolon. Ili ne volis profeti por profito de la kapitalistoj, sed esprimis sin ĝuste malfavore pri ili.

(Finota.)

*Tradukis SAT-ano* 17.403.

# SCIENCO

## Lingvistiko

### LOGIKO K KUTIMO

*K. Osaka.*

Ĉar lingvo estas simpla rimedo uzata inter grupo da homoj pro konveno por ilia interkompreniĝado, ofte gravan rolon ludas en ĝi kutimoj, komunaj al la plimulto de la uzantoj. Aliel ne povas esti ankaŭ ĉe lingvo arta, kiun uzas ne maŝinoj de logikeco, sed simple homoj. Prave Zamenhof pri tiu ĉi punkto rimarkigadas en siaj « Lingvaj Respondoj ». Cetere pli genia gvidanto estas, ankaŭ en lingvo arta, la bona lingva sento deveninta de la kutimoj, ol la pura logikeco. Ankaŭ en esperanto la logikeco ne povas, ne devas esti absoluta monarko. En tia okazo, kiam kutimoj estas malsamaj ĉe popoloj, al la plimulto devas cedi la malplimulto, se la kutimo de tiu ĉi estas eĉ pli logika, ol tiu. Tio ĉi estas tre necesa por lingvo internacia, uzata de diversaj gentoj, havantaj diversajn malsamajn kutimojn k morojn, ĉar aliel tre baldaŭ la lingvo sin entiros en abismon de ĥaoso.

Unu trafan ekzemplon, certe ne konatan al multaj eŭropaj esperantistoj, mi volas ĉi tie citi. Tio estas uzado de « Jes » k « Ne », kio certe ŝajnus tiel simpla por ili, ke ne povus okazi ia konfuzo.

Se oni demandas iun eŭropan esperantiston « Ĉu vi ne iros ? » k li respondas : « Jes », tiam oni komprenas, ke li intencas iri. Okazas tamen tute aliel ĉe japanaj esperantistoj. Se al la dirita demando iu japano respondas « jes », tio signifas, ke li ne intencas iri. Tia konfuzo ne okazas, kiam la demando ne estas nea. Tiel al la demando : Ĉu vi iros ? eŭropano k japano sammaniere respondas : Jes, mi iros, aŭ : Ne, mi ne iros. Sed al la demando nea : Ĉu vi ne iros ? eŭropano respondas : Jes, mi iros, aŭ : Ne, mi ne iros, dum japano respondas : Jes, mi ne iros, aŭ : Ne, mi iros.

Kiu el la uzoj de « jes » k « ne » estas pli logika ? Certe, la japana. Tion ni povus pruvi jene : « Jes » signifas « tiel estas » k jesas pri la dirita afero, dum « Ne » neas la aferon en la senco « ne estas tiel ». Do se al la demando : « Ĉu vi iros ? » oni respondas « *jes* », tio signifas : « *Estas jes, ke* mi iros », t.e. « mi iros ». Se oni respondas « *Ne* », tiam ni komprenas : « *Estas ne, ke* mi iros », t.e. « mi ne iros ».

Do, sekve k plene pro logikeco, se al la demando : « Ĉu vi ne iros ? » oni respondas : « *Jes* », tiam ni devas kompreni : « *Estas jes, ke* mi ne iros », t.e. mi ne iros. Simile la respondo « *Ne* » devas signifi : « *Estas ne, ke* mi ne iros », t.e. mi iros.

Oni nun bone vidas, ke ni japanoj estas pli logikaj koncerne la uzadon de « jes » k « ne » al demando nea.

Ni tre volus demandi eŭropajn esp-istojn, ĉu ili nun estas pretaj forlasi sian nelogikan kutimon k sekvi nin, respondante al la demando : « Ĉu vi ne konsentas ? », ke « Ho ne ! ni konsentas ! » Certe ili ne tiel rapidas, ili hezitas, ne volas, ĉar ilin tenas k katenas la multjara, denaska aŭ pli bone, deantaŭnaska kutimo.

Ili tamen povas esti trankvilaj, ĉar pro principo de la cedo de la malplimulto al la plimulto, tre necesa al lingvo arta, ni japanaj esp-istoj penas alkutimiĝi al la nelogika, k ankaŭ nekutima por ni, uzmaniero de « jes » k « ne », kvankam en praktiko tute nature spite nia peno ni emas ofte fali en la « eraron ».

Uzante la okazon, ni ĉi tie akcente atentigas niajn samideanojn, ke ili ne tro ofte k tro multe parolu pri la monarko absoluta « Logikeco », sed ke ili simple k modeste sekvu al Zamenhof, kiu estis posedanto de mirinde bona lingvosento. Tiam, se ni povus iafoje erari, ni neniam pekus.

*Laŭ « Esperanta Literaturo » (Tokio).*

---

## Fiziologio

### *La provizora sindeteno.*

Medicinfakuloj anoncas, ke ili proksimiĝas al solvo de l'patrineca problemo (nasko-nedeziro). Kaj tio per procedo simpla k natura. Laŭ ilia opinio estonte ne plu okazos perfortaj abortoj, kiuj estas la plej terura inkubo por la virin-seksa vivo. Oni ne plu bezonos utiligi profilaksajn (antaŭgardajn) rimedojn, kiuj cetere estas malsekuraj k neoportunaj. Kia do estas tiu ĉi enigmo ?

Antaŭ ĉio necesas scii, ke en la virino la ovofalado okazas same kiel ĝi okazas ĉe la kokino. Ne tute sammaniere, certe, sed tamen la analogio estas granda. La ovo, nomata oveto ĉe la virino, estas produktita de speciala organo nomata ovario, kiu apartenas al sistemo de l'seksorganoj, kies funkcio estas la reproduktado. La du ovarioj ĉe la virino situas en la pelvo k ili funkcias normale ekde la virin-aĝo ĝis ĉeso de la menstruaj periodoj.

Dum tiu tuta periodo, ĉiumonate, unu oveto destinita por gravediĝo maturiĝas k disiĝas de la ovarioj, same kiel matura frukto disiĝas de arbo. La oveto tiel soligita, ne restas sur la sama loko ; sed ĝi direktas sin al utero. En sia vojo la oveto kelkfoje renkontas, kvazaŭ ĉe rendevuo, spermatoidon, kiu estas la ĝermo de l'virseksulo. Tiam okazas la fekundigo kiel rezulto de l'kunmiksiĝo de tiuj du elementoj. La oveto haltas, fiksas sin en la malplenaĵo de l'utero k infaneto ekformiĝas k ekkreskas.

Sed, se male la oveto ne havas ŝancon renkonti samrolan kunludanton, tiaokaze ĝi daŭrigas sian vojon, forelglitas al ekstero k ĉio finiĝas ĝis la sekvonta monato, kiam ĉio rekomenciĝos, ĉar la maturiĝo de l'oveto okazas ĉiam periode k aŭtomate k je difinita dato, ĉe ĉiu normala virino.

Ĉu oni ne povus konkludi, ke la virino estas gravedigebla nur en ĉi tiu periodo, kiam la oveto disiĝas el la ovarioj, periodo tre mallonga, — k ke ekster ĉi tiu periodo ĉiu interseksa rilato restos senfrukta ? — Plej grave k plej malfacile estas scii, je kiu periodo de l'monato okazas la ovet-falado (t.e. la disiĝo de l'oveto el la ovarioj), k estas ĝuste koncerne tion, ke la opinioj de l'fakuloj estas ankoraŭ malsamaj.

Ĉiuokaze ŝajnas esti pli ĝenerala la opinio, laŭ kiu la ovetfalo ĉe ĉiu normala virino okazas proksimume je la *mezo* inter du menstruaj periodoj, k ke konsekvence en monato estas nur ok tagoj, dum kiuj la virino povas esti gravedigata.

Konklude, se oni ne deziras patrinecon, oni devus esti tre singardemaj dum ĉi tiu tempolimo. Estas do konsilinde praktiki la provizoran sindetenon dum tiu mallonga k danĝera periodo, en kiu okazas verŝajne la ovetfalo k limigi la interseksajn rilatojn al la sendanĝera periodo. Jen preskaŭ solvita la problemo pri infannaska kontrolo, pri la abortoj k pri nedezirata patrineco ! Sed ni atendu ankoraŭ pacience la rezulton de pluaj tiufakaj sciencaj esploroj.

*D-ro F. F. (trad. laŭ « La Popolo » K-do Nulo).*

# Sub la sagoj de l'Kritiko.



ŜALOM ASCH : LA SORĈISTINO EL KASTILIO. Historia Bildo. El la juda tradukis *Izrael Lejzerowicz*. Form. 13,5 × 20. Eld. Literatura Mondo, Budapest k Asocio de Esp. Libro-amikoj. 148 pĝ. Prezo broŝ. 3.50 sv. fk. Bind. 5 sv. fk.

Historia bildo... sed en formo de romano. Tendenca literaturo, kiun *laŭforme* oni povus kompari kun priskriboj kiel « Quo Vadis » k « Fabiola ». Sed laŭenhave kompreneble tre diferencaj verkoj: en la laste nomitaj ja torturiĝas k mortas por ideoj k simboloj la unuaj kristanoj — la tendenco estas ekzalti la kristanajn animojn de l'nuna epoko per la ekzemplo de l'martiroj. En la verko de S. Asch, iom simila al la historiaj romanoj de L. Fojĥtvanger, kondamnitaj al brulŝtiparo en la nova Germanio, torturiĝas k mortas judoj en la tempo de l'papa inkvizicio — la tendenco de l'libro do estas ekzalti la judajn animojn per la ekzemplo al persisto k ortodokseco. Per tio estas ĉio dirita por karakterizi la verkon. La historia priskribo estas interesa kiel ĉiu tiaspeca verko, la prezento de l'temo vivoplena; la atento de l'leganto restas streĉita ĝis la fino.

En la momento, kiam homoj denove pro sia judeco estas persekutataj k suferigataj, en nia epoko de « humano k libero », la apero de tiu libro en esp-o havas apartan signifon certe aprobindan, de la vidpunkto de batalo kontraŭ *ĉia* subpremo. Oni tamen ne faru la eraron identigi la rasan batalon kun la proletara klasbatalo, kiu lasta sola solvante la sociajn demandojn metos finstrekon sub rasaj, naciaj k religiaj problemoj !

La lingvaĵo de l'traduko estas bona, tre flua ; neologismoj, ne multaj cetere, estas klarigitaj sur la lasta paĝo. La eksteraĵo de l'libro estas agrabla, kiel kutime ĉe la eldonaĵoj de ĉi tiu eldonejo.

*N. B.*

L. VLADYKA : MI EN LI. Romano. Tradukis k eldonis *Moraviaj Esperanto-Pioniroj*. Olomouc 1933. Bindita. 193 paĝoj. Form. 13 × 19. Prezo : 26 kr. ĉ.

Laŭ sia speco tiu libro havas verajn bonkvalitojn k la elektintoj de la traduko (kiuj jam eldonis plurajn interesajn verkojn) estas gratulindaj. La stilo, ankaŭ de la traduko, estas vere majstra, la temo interese pritraktita k streĉanta la atenton ĝis la lasta paĝo. Oni nur atendas ĉe la fino pli da netaj klarigoj pri iuj strangaj eksperimentoj de hipnotado k transformado. Sed romanleganto devas toleri ne nur, ke la aŭtoro ludu per liaj nervoj, sed ankaŭ ke li ne donu klarigojn pri ĉiuj enigmoj. Li ja prave povas diri : Mi ne estas sciencisto, sed nur romanverkisto, sekve la fantaziado estas mia regno. La agado ne nur tuŝas la kriminalismon, sed ankaŭ la patologion. La homoj de l'burĝa socio priskribitaj de Vladyka estas esence degenerintaj malsanuloj, fiuloj. Tamen, kiom ameme desegnas ilin la aŭtoro ! Forta erotiko koloras la priskribojn k ia simpatia partopreno en volupto k diboĉo ŝajnas al mi indiki, ke la animo de tiu talenta verkisto estas plektita en tiun pereantan k pereindan mondon. La linioj kondamnantaj tiun diboĉadon estas tro sekaj k malkonvinkaj apud la varmaj koloroj de lia paŝtelo, skizanta tiun malindan societon.

La lingvaĵo de l'traduko estas tre klara ; ĝi legiĝas kun plezuro. Neologismoj estas zorge evititaj. Kunmetitaj vortoj estas laŭ originala maniero disigitaj per apostrofo anstataŭ per ligostreketo (*demand' esploro* anst. *demand-esploro*). La libro estas zorge korektita : pres- k lingvaj eraroj estas tre maloftaj. Ni notis malkorektaĵon sur p. 183 : devas esti *vipo* (anst. vipilo). *Motivi* (anst. motivigi) k *bazi* (anst. baziĝi) estas formoj kontraŭaj al la « Plena Vortaro ». Bindo k preso estas bongustaj.

*N. B.*

H. M. ĤRIMA : ĈE ABISMO. Rakontoj. Eld. Ekrelo. 1932. 47 p. Form. 12 × 16. Prezo : 0.45 mk. g.

Kiuj legis la malnovan « La Nova Epoko », tiuj memoras pri originalaj verkaĵoj de la bulgara K-do Ĥrima, kies « Poemo de l'Plugisto »[1] cetere aperis ĉe SAT. La K-do estas talenta k sincera. Liaj rakontoj temas pri teruraĵoj el la subpremado al la proletara movado en Bulgario. La libreto meritus pli belan eksteran prezenton.

[1] 56 paĝoj. Prezo : 3 fr. fr.

# Al Nederlandaj K-doj !

**Ni petas tiujn el vi, kies abonoj finiĝos fine de septembro, NE ATENDI specialan inviton pri reabono niaflanke. Via abono al " S-ulo " ja estas reguligata per via FLE-sekcio. Kiuj estas abonantoj ankaŭ al " Sennacieca Revuo ", bonvolu pagi laŭ la kutima maniero, ĉu al K-do J. W. Minke (Veteeltstr. 144, Amsterdam-O.), ĉu rekte al nia poŝtĉeka konto (SAT, 23, rue Boyer, Paris 20) en HAGO, n-o 211.533.**

# Notindaĵoj

*Industriistoj fieras pri siaj... alingoj.*

La plej granda parto de l'ĉeĥoslovakia ekonomio estas organizita en karteloj. Oni kalkulas, keĉ. 110 industriaj karteloj en la respubliko decidas pri la produktovendo k precipe pri la alto de l'prezoj por la plej uzataj industriaj produktoj. La premo de tiuj ĉi karteloj kondukis al plialtigado de l'doganoj k fondo de agraraj sindikatoj. La reciprokan premon sekvis konkuro prez-plialtiga, kies sukceso hodiaŭ estas perfekta : « Ni estas la plej kara lando sur la terglobo, ni perdis 73 % el la eksterlanda merkato, ni havas proporcie plej multe da senlaboruloj, k ĉio tio minacas plimalboniĝi. »

*Legita en la gazeto de l'firmo Bata-ŝufabriko.*

*La senlaboreco en Britio k en Hitlerio.*

La 27. junio en la parlamento oni konstatis, ke ekzistas en Britio ne malpli ol 800.104 personoj registritaj kiel senlaboraj depost 6 monatoj aŭ pli, k 482.951, kiuj estas registritaj depost 12 monatoj aŭ pli. La lastaj ciferoj montras kreskon je proks. 146.000 super januaro 1932 k proks. 183.000 super septembro 1931. La proponoj de l'registaro signifas klaran rezignon je ĉia provo por solvi la senlaborulan problemon. — *(Laŭ « Lab. Esploro ».)*

En *Hitlerio* la propagandservo de l'd-ro Gebels klopodas disvastigi la famon pri grandaj laboroj por forigi la senlaborecon. Ĝi trumpetas fiere, ke la nombro da senlaboruloj jam malkreskis je 1 ½ miliono. Kiel oni scias, la dumvintra senlaboreco malpliiĝas regule dum la somero. La Instituto por Studo de l'Konjunkturo (ekonomia situacio), kvankam tute « nazi »-igita, devas konfesi, ke se la nombro da laboristoj, kiuj trovis laboron, superas la kutiman sezonan pliiĝon, tiu rezulto ne estas ŝuldata, al la paroladoj de Hitler, sed unuavice al la efikoj ankoraŭ malrapidaj de l'decidoj por forigo de l'senlaboreco dekretitaj de la antaŭaj registaroj, kiujn tiel furioze kontraŭbatalis la « nazi ». Laŭ la naciocialista politiko la senlaboruloj, kiuj estas dungataj, devas servi por malplialtigi la salajrojn ĝis « malsat »-nivelo. *(Laŭ « J.T.F. »-informoj.)*

# Korespondado

*Nederlando.*

21-jara Kdo *Arie Vos*, ĉe A. Rück, Lindenlaan 127, *Huizen* (N.H.) dez. kor. kĉl.

*Sovetio.*

*Amikoj el tutmondo !* Bonv. sendi al mi div. esp. glumarkojn, fotokartojn de esp. kongresoj, afiŝojn, insignojn esp-ajn. Rekompenco laŭdezira. Necesegaj por ekspozicio ! Adr. *Petro Surjanenko*, VALKI, Harkovska oblast, Ukrainio.

Kolektivo de poŝt, telegraf, telefon-radiistoj kun samprofesiaj kolektivoj. *Minusinsk*, Raboĉkom Svjazi, Siberio.

**Alvoko.**

*Esp. Laborista Grupo en Lyon*, unu el la plej malnovaj rondoj de ruĝaj esp-istoj en tutmondo, organizas la *9-an de oktobro* pro pagagandan kunvenon, kies ĉefa celo estas pruvi al la loka laboristaro utilon k uzeblon de intern. lingvo. Tial ni petas, ke multaj grupoj bonv. sendi salutleterojn, kiuj estos traduke legataj dum la kunveno. Ni sendos resp. kun raporto. Antaŭan dankon ! Skribu al : *Esp. Laborista Grupo*, 39, cours Morand, *Lyon* (Francio).

# Radio programo

*11. sept.* Ljubljana, 576 m. 19.30-20.00 : parolado (*same:* 18.9)
Minsk, 1105 m, 21.30-21.50 : Blankrusa poezio (*same:* 13.9., 15.9., 19.9., 21.9.)
*14 sept.* Kaŭnas, 1935 m, 21.00-21.20 : parolado (*same:* 21.9.)
*16 sept.* Tour Eiffel, 1445 m ; 15.15-15.30 : parolado (*same :* 23.9.)

*Nia poŝto.* — *Nigrulo:* Tradukoj bone ricevitaj.

**Nekrologo**

Nur prokraste ni estas informitaj pri la morto je 18.6. de

## K-dino Macue Sasaki

(n-o 4976)

en *Tokio*, longjara SAT-anino, tre sindonema, unu el la plej fervoraj por nia afero en Japanio. Ŝi estis nur 48-jara ; ŝi laboris precipe en virinaj rondoj. Ofte ŝi kunlaboris al " S-ulo ". Multe tro frue forrabis ŝin la morto. Honoron al ŝia memoro !

*Le Gérant:* L. GLODEAU.

IMP. A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE (Hte-SAVOIE), FRANCE. - 661-9-33.